# juna amiko

februaro 2014 • n-ro 3/2013 (138)

INTERNACIA
ESPERANTO-REVUO DE ILEI
POR LERNANTOJ
KAJ KOMENCANTOJ

Eksterordinara rilato
LUME: La interesa ĉambro
LUDE: Tiuj mirindaj bestoj!
LASTE: Dekelekte

Specialan klerigadon por gejunuloj ofertas la Filio de Germana Esperanto-Asocio por Klerigado kaj Kulturo en Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo. Ĝi havas tutjaran programon, en kiu regule aperas fakseminarioj pri lingvistiko, interlingvistiko, Esperanto-literaturo, gramatiko de Esperanto, historio de la Esperanto-movado, Esperanto-kulturo, metodiko-didaktiko, lingvopedagogio, tradukado, multflankaj indaj Esperanto-kolektaĵoj, ktp. Vidu la hejmpaĝon: *http://ic-herzberg.de*, kaj petu faldfoliojn kun detalaj informoj ĉe GEA-Filio por Klerigado kaj Kulturo, Grubenhagenstr. 6, DE-37412 Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo, Germanio (Tel. 00 49 5521-5983).

Jen la datoj por la sekvaj GEA-klerigmoduloj (studmoduloj):
de la 29a de majo 2014 ĝis la 1a de junio 2014, de la 2a de oktobro ĝis la 6a de oktobro 2014 (TORPEDO), kun riĉa kulturprogramo, kaj de la 12a ĝis la 14a de decembro 2014, kun Zamenhof-festo.

# Enhavo



**La kovrilo:** Frontpaĝe: Johana kun sia ĉevalo. Foto: Annie Mac Fhay (p. 12). Interne: Partoprenantoj de la lasta GEA-klerigmodulo en Herzberg, Germanio. Dorspaĝe: Gejunuloj dum la 5a Novjara Internacia Semajno en Saarbrücken, Germanio (p. 30). Sube: Gimnazianoj el Germanio, Litovio, Rumanio, Bulgario kaj Italio (p. 32).


**Eldonanto** de *Juna amiko*: Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI). Jura sidejo: CO de UEA, Roterdamo, Nederlando. **Retejo:** sub rekonstruo ĉe *ilei.mondo.info*. Vidu *lernu.net* kaj *edukado.net*. **Redaktoro:** Stano Marček (Zvolenská 15/21, SK 036 01 Martin, Slovakio), *stano.marcek@gmail.com*. **Lingva revizianto:** Baldur Ragnarsson (Islando), **Rubrikestroj:** Judit Felszeghy, Karina MacGill, Stefan MacGill (ĉiuj el Hungario), Małgosia Komarnicka (Pollando), Monika Molnar (Svislando), Elena Nadikova (Rusio), Samuel (Svislando), Luiza Carol (Israelo), Baldur Ragnarsson (Islando). **Kunlaborantoj:** Sara Spanò (Italio), Lu Wunsch-Rolshoven (Germanio). Presita en Slovakio. **Administranto:** Sebastian Cyprich, *sebacyp@jabster.pl*. **Landaj Perantoj** sur la p. 38. La sekva numero aperos en majo. **Limdatoj por sendi kontribuaĵojn:** ĝis la fino de januaro, aprilo, julio kaj oktobro. **Jarabono** €16 en tiel nomataj A-landoj kaj €11 en B-landoj, laŭ la kategorioj de UEA (po €13 kaj €9 por mendo de 3 aŭ pli da ekzempleroj al la sama adreso).

**ISSN 0230 1318**

# Karaj legantoj!

**Tiu ĉi estas la lasta pasintjara, ankoraŭ malfrue aperanta numero de *Juna amiko*. Mi klopodos, ke ĝi donu punkton post la lastatempa neakurateco.**



Unue dankon pro la varma akcepto kaj aprobo de la (precipe grafikaj) ŝanĝoj en la antaŭa numero de nia kara revuo.

Kion alportas al vi la nuna? Vi povos kiel kutime konversacii kun Judit Felszeghy, ĉi-foje pri televido, bildstriumi kun Karina MacGill, ekscii ion pri arboj de Samuel, pri rilatoj kun ĉevaloj de Mirejo **Grosjean** kaj kun trutoj de Luiza Carol. Vi ekkonos Islandon, sed ankaŭ povos matematikumi, kanti kaj ludi kun Małgosia Komarnicka kaj Monika Molnar, kaj legi belan fabelon el Andoj de Luiza Carol. Vi povos informiĝi pri la raportoj pri Medalo de Toleremo, pri la mirakla lando Islando, pri novjara solenaĵo de esperantistoj en Germanio kaj la Komenius-projekto en kvin landoj. La kvizo de Dieter Berndt, la tradicia, absolute spektakla rubriko LASTE kun "dekelekta" ludo kaj krucenigmo pri la pasintjara kongresa lando de Stefan MacGill ankaŭ invitos vin al partopreno.

Agrablan legadon!

Stano Marček

# Saluton!

Jen mi sidas en Poznań, Pollando. Ekstere ĉio estas blanka, ĉar neĝo falis antaŭ mia alveno. La temperaturo estas sub nulo. Estas malvarme: minus kvin gradoj. Konsekvence mi devas vesti min varme: por promeni ekstere mi surhavas varman longan mantelon, bonkvalitajn botojn, gantojn, ĉapelon kaj ŝalon ĉirkaŭ la kolo. Kun mi en Poznań studas grupo el Brazilo. Ili ne konas vintron, ĉar en Brazilo la temperaturo ĉiam estas varma. Por veni al Poznań, ili devis aĉeti varmajn vestojn. Ili alvenis varme vestitaj. Dum la kurso subite mi rimarkis, ke en la klasoĉambro ili surhavis varmajn mantelojn. Tamen la ĉambro estis hejtigita. Tiam venis al mia menso, ke ili ne scias, kiel konduti en malvarma klimato. Tion intruis al mi miaj gepatroj:



"Forprenu vian mantelon, kiam vi eniras varman ĉambron! Ne manĝu neĝon, ĝi povas esti malpura! Ne leku metalan barilon frostigitan, kiu aspektas glaciaĵo belega kaj bongusta! Se vi tion faros, via lango ege suferos!" Do mi instruis miajn brazilajn kolegojn, klarigante al ili, kiel konduti en malvarma klimato. Ili bone lernis tion. En Afriko miaj amikoj instruis al mi, kiel vivi en varma klimato, kiel vesti min, kiam lavi min, kiom trinki, kiel uzi ventumilojn kaj klimatizilojn. Tiajn ilojn mi tute ne havas hejme en Svislando.

En ĉiu aĝo oni povas ion lerni. Lernanto ne nepre estas infano.

Mi deziras al vi agrablan legadon de tiu ĉi revuo, al vi en malvarma februaro, al vi en varma februaro…

Mireille Grosjean
Prezidantino de ILEI



# Kion spekti en la televido?

Help–materialo por ekzamenotoj. Rubrikestro: Judit Felszeghi

## I. En la laborloko

**koleginoj Manjo (M), Ilinjo (I) kaj Elinjo (E)**

M: – Kion vi pensas  Elinjo, ĉu Kalvados rendevuos kun la bela Alicia?

E: – ???

I: – Certe ne, ĉar li ja restos fidela al Esmeralda. Li ĵuris, ke Esmeralda estos por li ĉiam la plej grava. Ĉu ne, Elinjo?

E: – Ĉu tiuj Kalvados kaj la ceteraj sinjorinoj estas niaj klientoj?

M: – Ho! ha! Tute ne!  Vi eble eĉ ne spektis la 523an parton de la filmo-serio „Mi amos vin ĝismorte”?

E: – Ŝajne ne, bedaŭrinde. Mi eĉ ne scias, kiam tiu serio estas en la televido.

I: –  Ĝi estas prezentata ĉiumarde, ekde la sepa, ĝis la sepa kaj tridek-kvin, tuj antaŭ la teleĵurnalo. Nepre spektu ĝin, ĝi estas tre romantika filmo, kaj ankaŭ ekscita, foje eĉ kortuŝa.

M: – Krome en ĝi montriĝas belaj vestaĵoj sur bone ŝminkitaj virinoj belkorpaj, riĉaj viroj, luksaj aŭtoj, mirindaj vilaoj… Mi atendas la vesperon por spekti la filmon!



E: – Do, ankaŭ mi devas vidi ĝin!

## II. Hejme, posttagmeze

**patrino Manjo (M), patro Karlo (K), filino Perla (P), filo Alĉjo (A)**

E (Ĵus alveninta): – Kiel bone, ke vi ĉiuj estas jam hejme, ni povos vespermanĝi hodiaŭ pli frue!

K (antaŭ la televido): – Pli frue? Nun oni anoncas la novaĵon…  bonvolu ne paroli nun, mi ne aŭdas la televidon!

A: – Bone panjo, mi estas jam manĝema! Kaj poste ni povos spekti la terure bonan filmon, oni dissendas premiere „La tria morto de la vampiro”

E: – Ĉu morto? Ĉu vampiro? Kio tio estas?

P: – Tio certe estas iu sensencaĵo! Min tute ne interesas tiaĵoj!

A: – Ĉu? Ĝi estas la plej bona hororfilmo!

E: – Alĉjo, estas senutile, ke vi spektu tiajn programojn! Krome, post la oka prefere enlitiĝu!

P: – Jes, ankaŭ ĉar mi spektos la Realan Mondon!

E: – Kie vi volas spekti ĝin, filineto?

P: – En la televido, certe! Je la oka kaj dudek komenciĝos la realeco-televido, en la kanalo 4, kaj post la resumo eblas voĉdone eligi unu rolulon! Mi ja volas forigi la tre malplaĉan…

E: – Sed filineto mia, tio ja tute ne estas por infanoj!

P: – Ho, panjo, kial ne? Ĉiuj spektas ĝin en

la klaso, kaj ni pridiskutas la eventojn! Panjo...

K: – Kio tio estas? Ĉu Panjo ne jam diris, ke infanoj ne rigardu filmojn por plenkreskuloj? Je la sepa vespermanĝo, poste vi rajtas spekti nur la desegnofilmon. La postaj programoj jam ne estas por vi!

E: – Kion vi volas rigardi poste, Karlo?

K: – Ekde la oka kaj duono iras la vespera kroniko, kiel ĉiam.

E: – Ankaŭ mi deziras spekti ion en la televido… La kroniko estas plena je politikumado!

K: – Poste oni projekcias televidan filmon, kara, ĝi certe interesos ankaŭ vin! Ĝis tiam vi havos la tempon lavi la vazaron trankvile.

E: – Mi tamen deziras rigardi tiun ĉi filmon! Ĝi komenciĝos post duonhoro!

# III. En la laborloko, sekvonttage

**koleginoj Manjo (M), Ilinjo (I) kaj Elinjo (E).**

M: – Kaj kio okazis poste?

I: – Do, Kalvados kaj Esmeralda larme repaciĝis, kaj...

M: – Ne, ne en la filmo, sed ĉe vi, Elinjo! Ĉu ankaŭ vi povis sekvi la filmon hieraŭ?

E: – Kiam mi diris, ke vespermanĝo estos, nur se ankaŭ mi povas sekvi mian elektitan filmoserion, tiam ĉiuj montriĝis tre komprenemaj kaj helpemaj. Ni decidis, ke marde, kiam oni prezentas tiun filmon, ni vespermanĝas en la taga ĉambro.

I: – Tio estas vere bona ideo! Ĉu vi havas manĝotablon ankaŭ tie?

E: – Ne, sed dum mi preparis la manĝaĵon





la tuta familio helpis transloki la meblojn. La grandan kanapon la infanoj puŝis kontraŭ la malantaŭan muron, la malgrandan tableton flanken, el la kuirejo mia edzo portis la grandan tablon kun la kvar seĝoj al la liberiĝinta loko. Ni ĉiuj kuris, urĝis, ŝvitis por aranĝi ĉion antaŭ la sepa. Ankaŭ mi estis preta, nur la hundo ne ricevis sian manĝaĵon…

M: – Lerte vi organizis la aferon, Elinjo, gratulojn!

I: – Kaj ĉu la filmo plaĉis al vi?

E: – La filmon mi ne rigardis.

M. kaj I: – Ĉu??? Neee??? Kial???

E: – Kiam ni fine sidiĝis, kaj Karlo volis elekti la ĝustan kanalon, li ne trovis la teleregilon. Ni komencis serĉi ĝin, malantŭ la foteloj, sub la kanapo, apud la televidilo, ankaŭ en la kuirejo, sed ni trovis ĝin nenie. Fine ni cedis, ni vespermanĝis ĉagrenite kaj silente dum la intervjuo de juna poeto, kadre de la literatura kafejo.

I: – Ho, kia bedaŭro!

M: – Vi eble aĉetu novan teleregilon…

E: – Ne necesas. Post la vespermanĝo mi alportis manĝaĵon ankaŭ al nia hundo... Kaj kiam mi kliniĝis, mi rimarkis, ke la teleregilo estas ĝuste en ĝia kuŝkorbo, parte kovrita per la hundo-kuseno. Tiel, Karlo jam povis spekti sian preferatan programon, kaj mi trankvile lavis la vazaron, post kiam mi kontrolis la hejmtaskojn de la infanoj, kaj sendis ilin dormi.

# Taskoj:

1.Kiujn televidajn programojn rigardas la familio? Kiom longe (proksimume) ili daŭras, kiam ili komenciĝas?

2. Vicigu la televidajn programojn, kiujn via familio sekvas!

3. Kion signifas la vortoj: a) teleĵurnalo, b) hororfilmo, c) desegnofilmo, ĉ) filmoserio, d) kanalo, e) teleregilo, f) intervjuo? Provu klarigi la signifon en Esperanto, vi povas uzi ankaŭ la desegnaĵojn!

4. Preparu (imagitan) tutvesperan aŭ tuttagan televidan programon!

5. Ĉu la teleregilo vere kaŝiĝis en la kuŝkorbo de la hundo? Rakontu (per la vortoj de la filino/filo), kiel okazis la afero, reale!

6. Kiuj estas viaj preferataj televidaj programoj, kaj kial? Indiku almenaŭ 2 programojn, kun almenaŭ po trifraza klarigo!

7. Prezentu iun laste spektitan televidan programon, kaj skribu en 5 – 10 frazoj: pri kio temis, kial ĝi (mal)plaĉis?

8. Verku imagitan intervjuon al a) reĝisoro de televida filmo, b) protagonisto de realeca televido, c) gajninto de televida popmuzika konkurso!

# Vortklarigoj

***rendevui:*** Konsente aranĝi renkonton en difinitaj loko kaj momento

***fidela:*** Plenumanta kun konstanta akurateco kaj sindoneco la faritajn promesojn

***ĵuri:*** Atesti je Dio, jen iun aŭ ion, kiun oni opinias sankta, ke oni diras la veron aŭ plenumos promeson

***spekti:*** Rigardi kaj aŭskulti tion, kion oni prezentas en teatrejo, kinejo, cirko, ktp

***eksciti:*** Vigligi, stimuli, plivivigi: Igi tre intensa la funkcion de iu korpa organo aŭ ian korpan senton.

***ŝminki:*** Kolorigi la vizaĝon (haŭton, okulharojn ktp) aŭ aliajn partojn de la korpo per tiucela farbo.

***premiero:*** La unuafoja prezentado de spektaklo.

***vampiro:*** Fabela fantomo eliranta nokte el tombo por suĉi sangon de dormantoj.

***voĉdono:*** Esprimi sian opinion – ofte nur jese aŭ nee – pri diskutata demando.

# La interesa ĉambro



Rubrikestro, verkinto kaj desegninto: Karina MacGill

MI NE KOMPRENAS. ĈIO HAVAS OMBRON! EĈ NI HAVAS OMBROJN.

ĈI TIO ESTAS NE SOLVEBLA. LAŬ MI NI TAMEN IRU AL LA VARMA BANEJO.

Serĉu la objekton kiu ne havas ombron!

MI TROVIS! LA ŜILDO, ĜI NE HAVAS OMBRON.

VE, VERE!

CERTE ĜI ESTAS PLUA SEKRETA PORDO.










ASTRO, TERO, SATELITO, GALAKSIO, LUNO, KOSMO, METEORO, SUNO, PLUTONO, SUNSISTEMO

HELPU ESPLO KAJ REMA MALFERMI LA PORDON, ENSKRIBU LA ĜUSTAJN VORTOJN!



Małgosia Komarnicka

# Ekamu matematikon

**En la pasinta numero vi jam konvinkiĝis, ke matematiko estas uzebla.**

Ĝi ja permesas kalkuli, ĝi instruas logikan pensadon kaj kreas nian imagon. Preskaŭ ĉiuj kampoj kunligas sin kun matematiko kaj tial oni diras, ke matematiko estas la reĝino de la sciencoj. Laŭ Galileo Galiei "Matematiko estas la alfabeto per kiu Dio skribis la mondon".

Bedaŭrinde, sed konstante plimulto de lernantoj ne ŝatas matematikon. Tion provas ŝanĝi Bardhyl Selimi, la sekretario de la Albana Esperanto-Instituto, la sekretario de albana ILEI-sekcio, eluzante sian pli ol 40-jaran sperton en instruado. Li skribis tre interesan libron *Amuziĝu per matematiko*. Laŭ ĝi mi provos proksimigi amuzan bildon de matematiko. Mi invitas ĉiujn, tiujn, kiuj ŝatas kaj tiujn, kiuj ne ŝatas matematikon, ĉeesti en la lecionoj de matematiko kun *Juna Amiko*.

Mi preparis por vi malnovajn amuzajn aktivecojn formulitajn dum la pasintaj jarcentoj, inkluzive la Mezepokon, kiuj, samkiel la fabeloj kaj proverboj konsistigas la trezoron de la popola kulturo. Jen kelkaj el ili ĉerpitaj el la libro de Bardhyl Selimi *Amuziĝu per matematiko*. Bonvolu tralegi la matematikajn taskojn kaj provu solvi ilin. Sekve komparu viajn solvojn kun la solvoj proponitajn de Bardhyl. Ne ĉagreniĝu, se la tasko estas tro malfacila. Sur la paĝo 37 vi trovos solvojn de ĉiuj taskoj.

## La unua tasko: La kameloj



"Arabo, antaŭ ol morti, heredigis al siaj tri filoj 17 kamelojn kondiĉe ke la pli aĝa ricevu la duonon da ili, la mezaĝa la trionon kaj la pli junaĝa naŭonon. Kiamaniere oni dividu la heredaĵon?"

## La dua tasko: La testamento

"Iu viro en la pratempa Romo estis mortanta, dum lia edzino estis graveda. Antaŭ ol morti, la viro testamentis sian riĉaĵon jene: se la edzino naskus filon, la riĉaĵo dividiĝu je proporcio 2:1 favore al la filo; se ŝi naskus filinon, tio dividiĝu je proporcio 1:2 favore al la edzino. Sed fakte naskiĝis du ĝemeloj, nome filo kaj filino. Kiamaniere oni dividu la riĉaĵon?



## La tria tasko: La ovo-vendistino

"Virino portis ovojn al la merkato. Preterpasanto puŝis ŝin senvole, rezulte la korbo elfalis surteren kaj la ovoj rompiĝis. La kulpulo tuj deziris rekompenci ŝin.
– Kiom da ovoj estis en via korbo?
– Mi ne bone memoras, sed mi povas diri nur, ke kiam mi envicigis ilin po 2, po 3, po 4, po 5 kaj po 6, en la korbo restis ĉiamfoje unu ovo, tamen kiam mi envicigis ilin po 7, en la korbo ne plu restis ovo. Kiom da ovoj, do, estis komence en la korbo?



La lecionon kun helpo de Bardhyl Selimi preparis Małgosia Komarnicka
[Bardhyl Selimi: *Amuziĝu per matematiko*, Tirano 2009,]

  

# Arboj, la diskretaj amikoj de la vivo!



**Post kastoroj (nia pasinta rubriko), kiuj hakis la arbojn, ni ĉi-foje kun ili konatiĝu.**

Ĉu vi bone konas arbojn? La arbo estas mirinda fabriko, kun diversaj partoj kaj roloj:

## Folioj

Ni komencu per la folioj (de ĉiuj plantoj, ne nur de arboj), ĉar en ili disvolviĝas mirinda fenomeno: produktado de sukero (glukozo) el simplaj karbon-dioksido ($CO_2$) kaj akvo ($H_2O$). Tio estas nomata fotosintezo, ĉar la energio de la lumo estas necesa por tion fari.

Por la interesatoj, la kompleta formulo estas: 6 $H_2O$ + 6 $CO_2$ + lumo → $C_6H_{12}O_6$ (glukozo) + 6 $O_2$

La sago indikas transformon de la maldekstraj elementoj en la dekstran rezulton. Ĉu vi rimarkas ion? Parto de la rezulto estas oksigeno. Tio estas tre necesa por ni ĉiuj aliaj vivantaĵoj, kiuj ne kapablas fotosintezi! Inter du kaj dek kreskantaj arboj produktas oksigenon sufiĉan por kvar-persona familio. Sen plantoj neniuj aliaj vivantaĵoj estus sur nia fragila Tero. La folioj ankaŭ rekte nutras ĉiujn herbovorulojn.

## Trunko kaj branĉoj

Ni ne manĝas arbo-trunkon, kaj ĝi ne mem produktas energion, sed ĝia kresko ebligas levi la branĉojn kaj la foliojn por pli bone kapti la lumon. Ĝi transportas la akvon supren ĝis la folioj, kaj la glukozon suben al la tuta kreskaĵo.

Kaj por ni ankaŭ ligno estas nobla konstrumaterialo, grave bezonata. Eĉ bruligi lignon, fari fajron, redonas parton de la sunenergio, kiun la arbo kaptis dum sia tuta vivo!

## Radikoj

La radikoj estas subtere same grandaj kiel la videblaj branĉoj. Ili ankaŭ utilegas: stabileco de la arbo mem, kaptado de akvo, de mineralaĵoj kaj aliaj sekretaj roloj. Ĉu vi scias, ke milionoj da etaj fungoj kunlaboras subtere kun la radikoj, por kapti la akvon kaj ricevas glukozon kompense? Mirinde, ĉu ne?

Kiu imagas, ke arboj utile rilatas nur kun birdoj? Neniu, mi esperas! Centoj da vivospecioj sinergias kun ĉiu arbo, inkluzive la formikojn. Ekzemple la arbo akacio loĝigas en siaj ligno-kavoj armeon da formikoj, kiuj protektas ĝin kontraŭ diversaj parazitoj. Sed pri formikoj ni parolu venont-rubrike.

Neniu vivanta homo povas vivi tute sole… kaj ni mem ne vivos plu, se ni detruas tro da niaj diskretaj amikoj, la arboj.

*Saluton,
mi estas Samuel
el Svislando.
Mi kontribuas al
Juna Amiko per la
rubriko pri la
naturo. Mi volonte
ricevos viajn petojn
aŭ komentojn
al mia adreso:
samuel@noos.ch
Ĝis!*



 

Mireille Grosjean

# Eksterordinara rilato

**Johana estis ofte en rilato kun ĉevaloj. Tio povis okazi, ĉar ŝia patro bredis, aĉetis kaj vendis ĉevalojn. Ŝi bonege rajdis, kvankam ŝi estis nur dekjara knabino, kaj ŝi konis ĉiujn vojojn ĉirkaŭ la urbo Loklo, kie la familio vivis.**



Iun tagon ŝia patro vokas: "Johana! Venu! Mi ĵus vendis la blankan virĉevalon al aĉetanto en vilaĝo Ponto. Prenu ĝin! Rajdu al Ponto kaj liveru la ĉevalon. La aĉetanto poste veturigos vin al Loklo denove." – "Neniu problemo, Paĉjo, mi volonte faros tiun promenadon." Kiel kutime la patro helpis la knabinon grimpi sur la altan dorson de la ĉevalo, poste amike frapis per sia forta mano la postaĵon de la vigla besto, kiu tuj ekpaŝis kun Johana sur sia dorso.

Unue Johana rajdis tra la kvietaj stratoj de la urbeto, poste la vojo migris tra kampoj, kaj tiam ŝi ekvidis la grandan arbaron, kiun ŝi baldaŭ devos trairi por atingi sian celon. Kiam ŝi atingis la limon inter la paŝtejoj kaj la arbaro, trans la strato estis fermita pordego, kiu utilas por malebligi al bovinoj eniri la arbaron. Bovinoj restu sur paŝtejo. Johana bone sciis, kion fari. Ŝi malgrimpis de la ĉevalo, malfermis la pordegon, trapasis la pordegon kun la obeema ĉevalo malantaŭ si, kaj fermis la pordegon denove. Tiam la venonta paŝo estis: grimpi sur la ĉevalon denove. Sed kiel fari sen la afabla helpo de la patro? Ŝi rigardis dekstren, maldekstren por vidi, ĉu iu mureto aŭ trunko povus helpi al ŝi… Ŝi vidis nenion… La tereno estis tute ebena, plata. Ŝi komencis kompreni, ke ŝi ne sukcesos tion fari, kion ŝi devis fari: rajdi ĝis Ponto por liveri la ĉevalon. Ŝi sentis tristecon, mankis al ŝi kuraĝo. Apud ŝi staris la ĉevalo tute kviete. Ŝi prenis kruron de la ĉevalo, brakumis la kruron, sentis la varmecon de ĝi kaj komencis plori. "Kion mi faru nun? Kiel mi povos atingi la vilaĝon, kien mi devas iri? Ĉu mi devos tranokti ĉi tie?" Katastrofa etoso. Subite la ĉevalo ekmovis siajn krurojn, faldis siajn malantaŭajn genuojn, malaltigis sian postaĵon kaj… kuŝiĝis. Johana vidis tion, miregis, kaj…. grimpis tute facile sur la kuŝantan beston. Kiam la ĉevalo sentis la kutiman pezon de la knabino sur sia dorso, ĝi ekstaris kaj atendis la ordonojn de sia juna mastro. Ŝi prenis la rimenojn kaj premis la ventron de la ĉevalo per siaj piedoj. Tuj la ĉevalo ekkuris gaje, kaj galopis rapide laŭ la vojeto tra la arbaro. Ne nur la ĉevalo estis gaja, same Johana ridetis dum la sekvo de la rajdado. Ili ĝustatempe atingis la vilaĝon Ponto; la aĉetanto estis kontenta, kaj kiel interkonsentite, li veturigis la knabinon al Loklo, por ke ŝi atingu sian loĝlokon kaj sian familion. Fino bona, ĉio bona.

Kiam mi rakontis tiun veran travivaĵon al iu homgrupo, infano laŭte diris : "Mankas ĉapitro en via rakonto. La aĉetanto de la ĉevalo estis tiom kortuŝita de la eksterordinara rilato inter la ĉevalo kaj la knabino, ke li tuj decidis donaci la ĉevalon al la knabino!"

*Foto: Annie Mac Fhay*



Luiza Carol

# Kiel oni esperantistigas truton

**Eta Peĉjo ne estis aparte babilema eĉ nacilingve. Esperanton li tute ne parolis, tamen ja komprenis.**



Marina, la avino, kutimis elpreni lin de la infanĝardeno ĉiutagmeze kaj pasigis kun li la tempon ĝis la gepatroj revenis el siaj oficejoj. Tio signifis 4-5 horojn ĉiun labortagon, dum kiuj ŝi alparolis la infanon nur Esperante. Sed Peĉjo neniun vorton respondis. Li nur kapjesis aŭ kapneis, kelkfoje ridis kiam ŝajnis al li, ke Marina ŝercas…

Tamen li scipovis eldiri krivortojn de bestoj, se entute oni povas nomi tiujn "vortoj". Marina kutimis demandi: "Kion diras la kokino?" Kaj Peĉjo respondis: "Kluk! Kluk!". Marina demandis: "Kion diras la bovino?" Kaj Peĉjo respondis: "Mu! Mu!" Tiu ludo fariĝis pli interesa, kiam Marina demandis: "Kion diras la fiŝo?" Tiam Peĉjo silentis kaj movis la lipojn, kvazaŭ por kisi iun. Li estis ĉarma kiam li faris tion, tial Marina demandis ree kaj ree: "Kion diras la fiŝo?"

Post kelka tempo, la avino provis inversigi la ludon. Ŝi demandis: "Kiu diras 'Mu'?" Sed Peĉjo ne respondis, nur ridis. Li verŝajne pensis, ke Marina ŝercas, aŭ ŝi forgesis kiel oni ludas la ludon ĝuste.

Semajnoj pasis, monatoj pasis, kaj Peĉjo neniun veran vorton eldiris en Esperanto. Li tamen ne parolis nacilingve kun sia avino. Eble li pensis, ke ŝi ne scipovas ĝin. Kiam ili estis kune, li simple esprimis sin kiel simieto, pere de gestoj kaj mienoj. Kelkfoje Marina ŝajnigis, ke ŝi ne komprenas. Tiam li malpaciencis, ekploris, piedbatis la plankon, sed neniun vorton eldiris.

Ĝis iun tagon, kiam ili promenis kune laŭ la riverbordo. Tiam, ili renkontis najbaron fiŝkaptantan. Tiu sidis sur eta seĝo kun sitelo apud si. Peĉjo rigardis en la sitelo kaj vidis tie truton en akvo. La truto baraktis, saltetis kaj movis la buŝon kvazaŭ ĝi estus krianta, sed neniu krio aŭdeblis. Tiam Peĉjo proksimiĝis de ĝi tute fascina kaj kriis: "Iŝo! Iŝo!"

La najbaro nenion komprenis, sed Marina… estis ravita! Ŝi jam ekpensis, kiel ŝi baldaŭ telefonos al ĉiuj siaj geamikoj kaj fanfaronos (ho, fanfaronegos!) pri tio, ke ŝia nepo eldiris sian unuan Esperantan vorton… eĉ se li misprononcis ĝin, ĉar al li estis malfacile eldiri "fiŝo"… sed tio tute ne gravas, ĉu? Vorton li eldiris! Kaj veran vorton, ne nuran "krivorton"!

Marina aĉetis la truton de la najbaro kune kun la sitelo. Hejme, ŝi enmetis la fiŝon en larĝan kuvon, donis al ĝi herbojn kaj alportis al ĝi specialan manĝaĵon el la bestvendejo. La truto iom post iom trankviliĝis kaj rigardis ĉirkaŭe. Oni nomis ĝin Iŝo.

Peĉjo iom post iom kutimiĝis babili Esperante kun Iŝo. Komence, li alvokis ĝin: "Venu Iŝo! Venu!" Li kuris ĉirkaŭ la kuvo kaj Iŝo sekvis lin ene de la kuvo, ŝanĝante direkton tuj post kiam Peĉjo ŝanĝis direkton. Marina donis al ili pilketon, por ke ili ludu kune. Peĉjo ĵetis la pilketon en la akvon kaj diris: "Kaptu! Kaptu!" Kaj Iŝo kaptis la pilketon kaj forpuŝis ĝin reen. Peĉjo tenis la pilketon super la akvo kaj diris: "Saltu, Iŝo! Saltu!" Kaj Iŝo saltis lerte, dum Marina aplaŭdis entuziasme…

# Legu kaj ĝuu

Rubrikestro: Małgosia Komarnicka,
ul. Kilińskiego 14/3,
PL-59-300 Lubin,
Pollando, rete:
*malgosia.
junaamiko@gmail.com*





## Kien celas la libro...?

La plej grava kaj plej granda Libro-foiro okazis en Frankfurto ĉe Majno, Germanio, en la tagoj 10-14 de oktobro 2013. Vizitante la foiron oni povis rimarki laŭgradan forigon de la diferencoj inter la libroj kaj video-ludoj. Probable en estonteco pli akireblaj estos la libroj projekciataj pere de modernaj instalaĵoj ol tiuj surpaperaj.

Ĉu tio signifas, ke la tradicia libro estas nun en la transira periodo? Ni estas la atestantoj de la transformiĝoj en la eldona merkato. La eldonantoj kaj produktantoj de ciferecaj ludoj kreas ciferecajn librojn. La libroj transformiĝas en ludojn, 3-dimensiajn hologramojn, diversajn aplikaĵojn kaj video-prezentaĵojn. La libro de estonteco estos kun cifereca kodo anstataŭ vortoj kaj bildoj.



Ĝi estos legata pere de kamerao, kiu povos movigi la bildojn. La sfero de libroj kaj ludoj unuiĝas pli kaj pli. Tio ne signifas tamen, ke la papera libro malaperos tuj. Por povi legi la modernan libron oni devas unue lerni kiel ĝuste uzi la serĉilon.

## Klubo de bona libro

La Biblioteko de *Juna Amiko* por junuloj kaj infanoj kreskas dank' al viaj proponoj. Bonvolu sendi viajn proponojn pri libroj, kiuj montras pozitivajn valorojn (ekz. toleremon, amikecon, apogon al malpli fortaj homoj), helpas kompreni vin mem kaj aliajn kaj ebligas adaptiĝi al nia iom malgaja realeco. La proponojn kun titolo, aŭtoro kaj mallonga rekomendo, sendu al la supra adreso aldonante la noton: Biblioteko de *Juna Amiko.*

Semajnoj pasis, monatoj pasis, kaj Peĉjo iĝis pli kaj pli babilema en ambaŭ lingvoj, kiujn li scipovis. En la infanĝardeno li parolis nacilingve, kun la gepatroj kaj aliaj personoj li parolis nacilingve, sed kun Marina kaj Iŝo li parolis Esperante. Li jam delonge kapablis prononci "fiŝo", sed Iŝo restis la nomo de la truto.

Printempe, kiam la akvo de la rivero ŝvelis, Marina demandis la nepon: "Kion vi pensas, Peĉjo? Ĉu vi ŝatus vivi en eta ĉambro kiel kuvo tiom longe?"

Peĉjo kapneis. "Nu, mi supozas, ke ankaŭ Iŝo ne plu ŝatas tion. Ĝi verŝajne sopiras pri sia familio..."

Marina kaj Peĉjo alportis la truton al la rivero kaj enmetis ĝin en la ondojn. Iŝo gaje saltis kelkajn fojojn, por saluti siajn eksajn gastigantojn. Poste, ĝi naĝis malproksimen kaj malaperis.

"Mi ne bedaŭras" diris Peĉjo. "Iŝo ĝojas..."

Tiu ĉi rakonto aperis unuafoje en *Esperantista Vegetarano* 2011/2

# Rekomendo




Por la Biblioteko de *Juna Amiko* **Helena Biskup** (estraranino de Esperanto-Asocio „Torento”, ano de la Centro de Interkultura Edukado – Regiona Buroo Vroclavo, kaj antaŭ ĉio Esperanta aktorino) rekomendas la libron *Koro* de Edmondo de Amicis.

Koro estas kolekto de rakontoj, kiujn verkis Edmundo de Amicis en 1866. Ili instruas pri la impresiĝemo je maljustaĵoj, amo al alia homo, kaj estas samtempe bela leciono de patriotismo. Ili transdonas valorojn, kiuj estas ĉiam aktualaj, malgraŭ tio, ke ili estis verkitaj preskaŭ 150 jarojn antaŭe. Sendepende kiomaĝa vi estas, 10, 20 aŭ 60-jaraĝa, post tralego de la rakontoj vi ne restos indiferenta pri ilia kortuŝa enhavo. Vi konvinkiĝos kiom valora estas la vera amo, vi rimarkos la belecon de la ĉirkaŭanta mondo kaj bonajn homojn.

En la tempo kiam la boneco estas malmoda nocio kaj la televido aŭ komputilo anstataŭas la familiajn ligojn, estas valore transiri al alia mondo plena de la amo, amikeco kaj respondeco. Estas tre bone legi ĉi libron komune kun la familio, por ke la infanoj ekkonu la valoron de ĝi. La libro instigas por pripensoj pri la propra vivo kaj pri la rilatoj inter la generacioj.

# Ekkonu mian landon pere de ĝia legendo



## Konkurso ne nur por junaj legantoj

**Ĉi-numere ni vizitos sud-orientan azian landon, Vjetnamion. Ĝi estas la patrujo de Nguyen Thi Ngoc Lan, vjetnama esperantistino, vicdelegito de UEA, instruistino de Esperanto kaj la franca kaj la angla lingvoj.**

Unue konatiĝu kun kelkaj informoj pri la lando de Lan. Klopodu trovi la menciitajn lokojn sur la mapo, kaj poste tralegu la legendojn kaj faru konkursajn taskojn.

### Kio allogus min en Vjetnamio?




Vjetnamio, oficiale Socialisma Respubliko de Vjetnamio, estas formata de tri historiaj regionoj, de nordo al sudo: Tonkino, Anamo kaj Koĉinĉinio.

La klimato malsamas inter la norda kaj suda Vjetnamio. En la nordo ekzistas do malvarmeta sezono de novembro ĝis aprilo kaj varmega de majo ĝis oktobro. La suda parto estas varmeta ĝis varmega dum la tuta jaro kaj pluvperiodo de majo ĝis oktobro. Dum la pluvperiodo okazas ofte tajfunoj, kiuj okazigas inundojn en la delto de la Mekongo kaj en aliaj marbordaj regionoj.

La historio de Vjetnamio datiĝis de 4000 jaroj. Dum tiu periodo ĝi foje dependis de Ĉinio aŭ de Francio. Tamen la agresintoj ne povis asimili vjetnamojn, kiuj havis siajn proprajn lingvon, kulturon, festojn ktp.

Nuntempa moderna Vjetnamio restas socialisma ŝtato kun partia kontrolo pri




multaj aspektoj de ekonomio. Tamen dum kelkaj lastaj jaroj okazis liberalismaj reformoj, kiuj aktivigis ekonomion kaj ebligis eksterlandan partoprenon en la lokaj entreprenoj.

La ĉefurbo de Vjetnamio estas Hanojo, trankvila kaj eleganta urbo. Unu el la plej rapide kreskintaj urboj estas la havenurbo Ho-Ĉi-Min-urbo (antaŭe Sajgono). Historie gravaj urboj estas Hue (iama ĉefurbo de la imperiestroj) kaj Da Lat (somera imperiestra loĝloko). Ilin vizitas multaj diversnaciaj turistoj.

Vjetnamio havas du Mondajn Naturajn Heredaĵojn – Golfo Ha Long kaj Nacia Parko Phong Nha-Ke Bang, 46 naciajn turismajn zonojn, 41 naciajn turismajn vidindaĵojn kaj aliajn lokajn turismajn zonojn kaj rezervejojn.

La radikoj de la vjetnama kulturo estiĝis antaŭ pli-malpli 3.000 jaroj, kaj similas al multaj aliaj aziaj kulturoj. La nuntempa multvizaĝa kulturo de Vjetnamio estas miksaĵo el lokaj kulturoj de Vjetnamio kaj eroj ĉinaj kaj okcidentdevenaj.

La tona lingvo estas la oficiala lingvo de Vjetnamio.

La plej multaj vjetnamaj festoj devenas el Ĉinio. Tamen iom post iom ili iĝis tipe vjetnamaj. La plej grava festo de la tuta jaro estas Tet (la novjara festo), kiu daŭras kutime tutan semajnon. Okaze de tiu festo multaj vjetnamoj loĝantaj eksterlande revenas hejmen. Tiam ĉiuj vendejoj kaj restoracioj estas fermitaj dum pluraj tagoj. Tradicie, okaze de la novjaro, la domo devas esti purigita kaj homoj vestitaj per novaj vestaĵoj. Ekzistas kelkaj manĝoj, kiujn oni preparas nur dum novjaro. Malriĉaj familioj ŝparas monon dum la tuta jaro por riĉe festi.

Xa toi vong nhan estas alia grava festo. Tio estas tago de migrantaj animoj. Ĝi kutime okazas la 15an tagon de la sepa monato laŭ luna kalendaro (aŭguste laŭ okcidenta kalendaro). Tiam oni purigas la tombojn kaj ofertas vestaĵojn kaj manĝaĵojn al la animoj de la mortintoj.

Dum la festo Trung Thu oni prezentas drakodancojn, admiras la rondan lunon kaj manĝas specialajn kukojn. La festo okazas mezaŭtune.

Ekde nelonge oni festas Kristnaskon, sed vere festas ĝin nur la kristana malplimulto.

La vjetnama kuirarto estas malpeza kaj



saniga, ĉar ĝi uzas multajn legomojn kaj aromariĉajn foliojn. Phở estas nacia plado, farita el riznudeloj kaj bovaĵa buljono kaj chè estas tipa deserto farita surbaze de sojfaboj. Ŝatataj estas ankaŭ salatoj kun vinagro, supoj.

Vjetnama teatro forte influiĝis de ĉina opero. Ĝi havas multajn supervivantajn tradiciajn dramoformojn.

Ekzistas ankaŭ akva pupteatro (rối nước), kiu estas aparta vjetnama arto. Ĝi estiĝis en la 12-a jarcento. Bambua ekrano kaŝas la pupteatristojn, kiuj staras en akvo kaj uzas longajn stangojn por movi la pupojn antaŭ la ekrano. Tiun teatroĝenron, kiu ŝajnis mortonta, savis La Maison des Cultures du Monde (Domo de kulturoj de la mondo) kaj nun la akvoteatro estas spektaklo tre ŝatata de turistoj.




La robo "Áo dài" estas la tradicia vestaĵo de vjetnamo. Komence oni surhavis ĝin en la centro kaj en la sudo de la lando, sed tre rapide ĝi iĝis la robo reprezentanta la vjetnaman kulturon. La robo "Áo dài" simbolas la belecon kaj la dolĉecon de la vjetnaminoj. Nuntempe ĉiuj vjetnaminoj portas ĝin, sed jam tre malmulte da vjetnamoj.

En Vjetnamio ekzistas relative forta Esperanto-movado. En 2007 en la vjetnama ĉefurbo Hanojo okazis la 63-a Internacia Junulara Kongreso kaj en 2012 okazis la 97-a Universala Kongreso.

## Legendoj kaj popolrakontoj

Tralegu legendon pri drako, kiu savis Vjetnamion. Legante la sekvontan rakonton vi ekscios kial la reĝo Luc Thuy ŝanĝis sian nomon.

## La golfo Ha Long – golfo de la alteriĝanta drako

Laŭ legendo, iam en la antikva tempo, Vjetnamio estis invadita de fremdlandaj agresintoj. Unu drako flugis al la nord-orienta maro kaj tie starigis ŝtonan muregon por detrui kaj repuŝi la malamikan invadantan ŝiparon. Pro memoro kaj dankemo al la savinto de la lando, tiu loko estis nomita "Golfo Ha Long", signifanta golfon de la alteriĝanta drako.

Kun la surfacamplekso de 1553 km$^2$, la Golfo Ha Long konsistas el 1969 rokoj de diversa grandeco, kiuj facile formiĝis pro fortoj de la naturo: fluganta drako, kanfiŝisto, velo, incensujo, bonzo, gekokoj, bufo, batalkoko ktp. La plimulto de tiuj rokoj estas el kalkŝtono kaj datiĝas de pli ol 20 milionoj da jaroj. Pluraj el ili havas la altecon de 200 m. El la tieaj grotoj kaj kavernoj, la plej belaj portas la nomojn: Ĉiela Palaco kaj Miskonsterniĝo.

La golfo Ha Long estas unu el la 46 naciaj turismaj zonoj de Vjetnamio. Ĝi estas tutjare vizitata de multnombraj enlandaj kaj eksterlandaj turistoj. Pro siaj natura beleco kaj geologia konsisto ĝi estis rekonita en 1994 kaj 2000 de UNESKO kiel Monda Naturo-Heredaĵo, kaj en julio 2003 la Klubo de plej Belaj Golfoj en la Mondo oficiale rekonis ĝin kiel unu el la dudek-naŭ plej belaj golfoj de la mondo.

## La Lago de Redonita Glavo

Hanojo, la ĉefurbo de Vjetnamio, havas en sia centro belan lagon, kiun fremdlandaj turistoj tre ŝatas kaj nomas "La floro-korbo de Hanojo". Frumatene hanojanoj kutime faras gimnastikon, praktikas dancadon, ludas plumpilkon aŭ promenadas sur ĝia bordo.

Laŭ legendo, Le Loi, kiu gvidis la dek-jaran rezistadon kontraŭ fremdlandaj




Foto: Stano Marček







agresintoj, sukcese forpelis la malamikojn post dek jaroj de luktado, surtroniĝis en la jaro 1428 kaj fondis la dinastion de la restaŭritaj Le-reĝoj (1428-1527).

Iutage, kiam la reĝo Le Thai To, alinome Le Loi, estis promenanta boate sur la lago, li subite vidis testudon. Per sia glavo, li montris la testudon al sia sekvantaro. Tuj ĝi mordkaptis la glavon kaj mergiĝis. La reĝo pensis, ke ĝi estis la testudo-genio, kiu venis repreni la glavon per kiu li venkis la malamikojn kaj liberigis la landon de kruelega fremdlanda jugo. Pro tio la reĝo anstataŭigis la antaŭan nomon Luc Thuy per la nova, "Lago de Redonita Glavo".

Sur la lago troviĝas kelkaj belaĵoj, kiujn fremdlandanoj ofte vizitas. Ili estas:

– La templo Ngoc Son, kie estas kultataj la mitologia eminentulo, kiu respondecis pri literaturo kaj konkursoj kaj la reĝo Tran Hung Dao, kiu venkis fremdlandajn invadintojn en la 13a jarcento;

– La ruĝa ligna ponto, kies nomo estas The Huc,  signifanta "la loko, kie sunlumo stagnas";

– La Testudo-Turo, kie grandaj testudoj estis kelkfoje viditaj.

## La konkursa tasko

Priskribu per bildoj la vjetnamajn legendojn. La konkursan taskon bonvolu sendi kun viaj nomo, adreso kaj indiko 'Konkurso – legendo' ĝis la 30a de marto 2014 al la adreso de Centrum Edukacji Międzykulturowej - Biuro Regionalne Wrocław, ulica Legnicka 65, PL 54-206 Wrocław, Polska/Pollando.

La valorajn premiojn disponigis la Centro de Interkultura Edukado – Regiona Buroo  Vroclavo.

## Proverboj

Finante la rubrikon, mi enmetas kelkajn proverbojn pri vento el la *Esperanta proverbaro* de L. L. Zamenhof.

Proverboj estas mallongaj kaj facilaj frazoj, dank' al kiuj oni pli bone esprimas iajn ideojn, avertojn, admonojn aŭ instrukciojn. Ili estas gravaj en ĉiu lingvo, kaj tial, por perfektigi konon de Esperanto, estas necese lerni ankaŭ proverbojn.

*Vento al li ekflugis sub la haŭto.*
*Post brua vento, subita silento.*
*Kiu semas venton, rikoltos fulmotondron.*
*Eĉ plej bonan ŝipon malbonigas la ventoj.*
*Vento sendita tondron reportos.*
*Nazo supren, vento antaŭen.*
*Ne maro dronigas ŝipon, sed la ventoj.*
*Kaptu lin kiel forflugintan venton.*
*Ŝipon rompitan ĉiuj ventoj atakas.*
*Oni ne povas sin movi laŭ ĉiu vento aparte.*
*Ne sama la vento blovas konstante.*
*Paca silento, ke ne blovas eĉ vento.*
*Hundo bojas la vojon, vento portas la bojon.*
*Minacas dento al la vento.*
*Arbo krakanta venton ne timas.*
*Flugema kiel vento.*
*Kaptu lin kiel forflugintan venton.*
*Ne unu hundo lin mordis, ne unu vento lin tordis.*



  

# Ludo *Urso Maljunulo*

La rubrikon preparas: Malgosia Komarnicka,
ul. Kilińskiego 14/3, PL-59-300 Lubin, *malgosia.junaamiko@gmail.com*


La infano kaŭras

**Kanto akompanas nin ĉie… Ni volonte aŭskultas ĝin, ĉar ĝi helpas vidi kaj krei alimaniere la mondon, ebligas revi aŭ transdoni niajn sentojn.**

Ĝi ankaŭ helpas akiri pli bonajn rezultojn dum lernado, ĉar lernantoj ludante samtempe lernas, kreskigas sian emocian engaĝiĝon en la lerno-procezo. Sufiĉas nur ekkanti kaj ili tuj rememorigas kanto-vortojn. Tiumaniere la lernantoj plej bone kaj sugeste alpropriĝas al si la materialon de la leciono, ofte ne konsciante, ke ili ekzercas fremdan lingvon. La laboro kun kanto havigas ĝojon kaj kontenton al la lernantoj, do ni ne malhelpu ĉi agrablecon de kantado dum la Esperanto-lecionoj.

Mi prezentas en Pollando popularan popolan infanan ludon Urso Maljunulo, kiun esperantigis Irena Łowińska.

## Urso Maljunulo



*Dormas urso Maljunul'*
*urso granda besto,*
*lasu ĝin en nesto,*
*ĉar vekita manĝos nin.*



(la infanoj kalkulas)

*Unua horo, la urso dormas,*
*dua horo, la urso ronkas,*
*tria horo, la urso nin kaptas.*

  

**Mi invitas al la sorĉa kanto-mondo:**

Ludantaj infanoj kreas rondon. Unu el la infanoj ludas rolon de „urso", kaŭras meze de la rondo, kaj pozas kvazaŭ ĝi dormus. La infanoj kantas, ĉirkaŭ-irante la „dormantan urson".

---

Finante la kanton la infanoj forkuras kaj la „urso" kaptas ilin. Tiu, kiun tuŝos la „urso" fariĝas nova „urso" kaj la ludo komenciĝas denove.

**Bonvolu sendi al mi viajn proponojn, ke ni ekkonu belajn kantojn el la tuta mondo.**

**Kantu, Kolorigu Kaj Solvu!**

 

# Ho, tiuj mirindaj bestoj!



La rubrikon prizorgas: Monika Molnar



**La poŝtisto konis la adreson de la Ulidoj jam preskaŭ parkere. Ne estas kutime, ke iu ricevu tiom da poŝtaĵoj, kiom ricevadas niaj amiketoj.**

En la hodiaŭa mondo multe pli abundas la retleteroj, retmesaĝoj, sed ni konfesu, ke ili ne povas digne anstataŭi la verajn leterojn, kiuj alvenas kun belaj poŝtmarkoj el foraj landoj. Jen kio ĝojigis Feliĉulidon kaj Gajulidon, kiam malferminte la poŝtkeston, ili trovis sendaĵon de Allan Grandjean [prononcu: *'allan granĵan'*].

– Rigardu! Nia amiko, Allan, vere multe laboris! – diris Gajulido al Kontentulido. – Li trovis la ĝustan solvon de la enigmo de Iseo!

– Kiu estis la solvo? Kion li skribis? – demandis Scivolemulido.

– Li sendis al ni la plenigitan kradaron kaj per la specialaj literoj li trovis la frazon, kiun la gardisto de la bestoĝardeno diris al la lertaj detektivoj. – diris Entuziasmulido.

– Ĉu vi volas scii pri kiu frazo temas?

– Jes, certe! – diris Scivolemulido.

– Kia demando! Mi ĉiam scivolemas pri ĉio.

– Gratulojn! – diris Entuziasmulido.

– Kial vi gratulas min? – demandis jam iom kolerete Scivolemulido. – Diru prefere la solvon, ĉar mi tro scivolemas!

– Sed mi ja diris la solvon! La solvo estas: "Gratulojn!" Tion diris la gardisto al la detektivoj, kiuj retrovis ĉiujn vagabondajn bestojn. Sed tio ne estas ĉio! Allan sendis al ni ankaŭ novan enigmon pri aliaj bestoj kaj belan rakonton pri iu urseto! – diris ĝoje Entuziasmulido. Rigardu! Lia enigmo estas bunta kaj akompanata de tuta listo de bestoj! Ho, jes! Mi komprenis! Oni devas retrovi tiujn bestojn en lia multkolora kradaro. Ĉu ni provu solvi ĝin tuj?





– Jes! – diris Gajulido. – Sed... Rigardu la unuan linion! Ĉu eblas, ke iu bestonomo finiĝu je “a”???
– Ja, vi pravas! Estas strange! – diris Feliĉulido. – Aŭ... eble ne tiom strangas. Vidu, en la akompana letero mi ĵus legis, ke oni devas retrovi, kiuj bestoj eniris sian lokon “inverse”! Sed kion tio signifas?
– Laŭ mi tio signifas, ke en la unua linio ni trovos la unuan beston, kiu eniris sian lokon inverse, do la litero “a” estos la komenc–litero, kaj la litero “o” la lasta litero de la vorto! Hu, ne estas tiom facile! Kiu povus helpi nin? La plej lertajn helpantojn ni rekompencos per donaceto! Bonan serĉadon al ĉiuj! Viajn solvojn sendu al la sekva adreso: *Monika Molnar, Ecole de La Grande Ourse, Recrêtes 18, CH–2300 La Chaux–de–Fonds, Svislando.*
– Atendu! Ne eblas solvi ĝin sen la listo de la bestoj. Jen la listo por niaj bonvolaj, helpemaj amikoj. Ĉu vi, kara leganto estos inter ili? Ek!

**Listo de la bestoj por la nova enigmo:**
abelo, agl’, anaso, araneo, birdo, ĉevalo, elefanto, ĝirafo, jaguaro, kato, lup’, lupo, meleagro, ovo, pavo, serpento, tigro, urso, vulpo, zebro.

– Mi esperas, ke multaj amikoj helpos nin, ĉar la tasko ŝajnas esti ne tre facila! Sed antaŭ ol ni komencu la laboron... ĉu vi ne parolis ankaŭ pri iu rakonto? Pri iu urseto? – demandis Scivolemulido.
– Jes ja! Dank’ al Allan, ni havas ankaŭ tre belan rakonton pri urseto kaj ĝiaj aventuroj. Venu ĉiuj por ĝui la rakonton de nia 11–jara amiko. Dankon Allan!
*... Malfermu jam! ... Paciencon! ... Mi ne vidas! ... Puŝu vin iomete! ... Pst! ...*

# Ursido, la urseto




1. Estis foje urseto Ursido, kiu sentis sin tre malsana. Tio ne estis kutima afero por Ursido. Normale li estis tre vigla kaj sana urseto.



2. Do, li tuj telefonis al sia kuracisto, kaj la kuracisto diris al li: ”Trankviliĝu! Mi tuj venas vidi vin! Ne timu, ni trovos solvon!”




3. Kiam la kuracisto alvenis, li ekzamenis Ursidon kaj diris: ”Vi estas vere malsana! Vi devos resti en via lito! Ripozu multe kaj morgaŭ ni vidos, ĉu vi fartas pli bone aŭ ne. Ĉiuokaze: ripozu!”



4. La urseto estis tre obeema kaj kiam la kuracisto foriris, li tuj iris en la liton por dormi, ĉar li estis vere tre laca. Li estis tiom laca, ke li tuj endormiĝis. Eĉ la lumon li forgesis elŝalti.



5. Matene li ne plu estis laca. Tio tre ĝojigis lin. Do, ne estis problemo uzi sian belan, bluan aŭtomobilon por iri en la malsanulejon por kontrolo.



6. La kuracisto ekzamenis lin kaj diris: ”Bone, bone. Vi ne plu estas malsana. Vi povas reiri hejmen. Kaj ne forgesu, ke foje oni ĵus bezonas ripozon!”



7. Ursido estis tre kontenta ne plu esti malsana. Li iris hejmen kaj la tutan tagon li ludis per siaj sketilo kaj biciklo. Li sentis sin nelacigebla kaj tre feliĉa urseto.



8. Vespere li sentis sin denove tre laca. Sed nun li jam sciis, ke tio ne estas malsano, sufiĉas bona ripozo. Li iris en sian liton kaj bonege tradormis la tutan nokton!

Luiza Carol

# Anda de Andoj

**Antaŭ tre tre longe, ĉe la piedoj de la Anda montaro, troviĝis eta vilaĝo, kie loĝis diligenta knabino. Ŝia nomo estis Anda, kaj ŝi estis paŝtistino.**

Ĉiutage Anda vekiĝis frue kaj kondukis la lamojn de la vilaĝo al paŝtejo. Ŝi scipovis melki ilin kaj purigi ilin. Kiam unu el la lamoj vundiĝis aŭ malsaniĝis, Anda flegis ĝin kaj kuracis ĝin pere de folioj, semoj, fruktoj aŭ radikoj. Tiujn kuracrimedojn instruis al ŝi la potenca sorĉistino Kvinoo, la Patrino-de-Ĉiuj-Grenoj, kiu loĝis en malproksima kavo, tre alte en la montaro.

Foje, dum plenluna nokto, Granda Vesperto eniris la vilaĝon. Tiu estis malica sorĉisto, kiu aliformiĝis en vespertegon por ŝteli manĝaĵon. Senbrue, li prenis sakojn da legomoj kaj grenoj, metis ilin sur la dorson de du lamoj kaj malaperis kune kun la ŝarĝitaj bestoj. Ekde tiam li komencis viziti la vilaĝon ĉiun plenlunan nokton por ŝteli. Ĉiufoje li endormigis la vilaĝanojn, tiel ke ili ne kapablis forpeli lin. Oni preparis dekojn da kaptiloj por kapti lin, sed li superruzis ĉiujn per siaj sorĉoj.

La vilaĝanoj fariĝis pli kaj pli malkontentaj. Anda estis la plej ĉagrenita el ĉiuj, ĉar ŝi amis la lamojn kaj timis pri ilia sorto. Fin-fine, Anda prenis la lamojn de la vilaĝo en la montaron. Tri tagojn ŝi paŝis kun la lamoj tra kaŝitaj sekretaj padoj, ĝis ŝi alvenis al la kavo de Kvinoo.

La saĝa kaj potenca Patrino-de-Ĉiuj-Grenoj manĝigis la lamojn kaj la knabinon, aŭskultante atente ties ĉi plendojn. Dum la nokto, Anda kaj la lamoj dormis, sed la sorĉistino laboris diligente.



La sekvan matenon, Kvinoo ŝarĝis la lamojn per sakoj da mirakla greno, kiun ŝi ĵus preparis. Anda revenis hejmen kune kun la ŝarĝitaj lamoj.

Tio okazis ĝuste dum la sezono de grenosemado, kaj la vilaĝanoj tuj eksemis la novan grenon. La Granda Vesperto daŭrigis siajn vizitojn kaj ŝtelojn sensuspekteme, ankoraŭ kelkajn monatojn. Dume, la mirakla greno donis tre rapidan rikolton kaj la vilaĝanoj komencis prepari kaĉon el ĝi. Tiu manĝaĵo igis ilin ĉiutage pli fortaj. Iun nokton, la Granda Vesperto venis por ŝteli kiel kutime, sed la vilaĝanoj fin-fine sukcesis kontraŭstari liajn sorĉojn kaj forpeli lin. Pro timo, li fariĝis pli kaj pli malgranda kaj kaŝis sin. Laŭ onidiroj, li perdis por ĉiam la kapablon sorĉi, forfuĝis el la vilaĝo kaj neniam revenis.

La miraklan grenon, la vilaĝanoj nomis "kvinoo", laŭ la nomo de la Patrino-de-Ĉiuj-Grenoj. Ĉu vi konas ĝin? Ĉu vi ŝatas ĝin?

*Tiu ĉi fabelo aŭskulteblas per Esperanta Retradio ĉe: http://retradio.webnode.at/news/anda-el-la-andoj/. La pentraĵo farita de Luch Ofer, la filino de la verkistino, en la jaro 1991. Tiam la pentristino estis 18-jara.*



Sara Spanò

# Bonvenon sursceneje, Nikaragvo!

**La nikaragva E-movado prezentis sin sursceneje per tre sukcesa aranĝo, gastiginte ekde la 24-a ĝis la 27-a de januaro sian unuan Internacian Esperanto-Kongreson. Partoprenis ĝin tridek naŭ homoj – plejmulte gejunuloj – el dek unu landoj kaj el kvar kontinentoj.**




"Ĉu pli bona mondo eblas?" Jen la kongresa temo: tiu tikla demando estis pritraktita el pluraj vidpunktoj per altkvalitaj prelegoj (efika preventado de tropikaj malsanoj per pli bonaj vivkutimoj; vegetarismo kiel daŭripova manĝadstilo; daŭripoveco de alternativaj energifontoj, enkonduko de pli justa, multlingva, egalrajta kaj tolerema edukado ekde la infanaĝo), kiuj daŭre instigis la kundiskutadon inter la ĉeestantoj.

Informkampanjo estis kerna por la sukceso de la aranĝo: la organizantoj, nome Martin Schäffer, Ĝenerala Sekretario de UEA loĝanta en Meksiko, kaj Uriel Gurdián, tre aktiva kaj lerta juna loka respondeculo pri la landa agado en Nikaragvo, efike informadis kaj per amaskomunikiloj, kaj per partopreno en publikaj eventoj (ekzemple, ili starigis informbudon ĉe la pasinta Internacia Foiro de Kulturo kaj Amikeco ĉe la Centroamerika Universitato en Managvo).

Por doni la eblecon ekspertiĝi al la junaj novuloj kaj pliperfektiĝi al la spertuloj, oni elpensis dusesian trejnadon, ĝuste fokusitan pri informado kaj varbado kaj elstare gvidatan de Veronika Poór, TEJO-estrarano pri Aktivula Trejnado.

Instruado ludis gravegan rolon antaŭ la kongreso: okazis universitataj kursoj kaj ekzamenoj ĉe la Nacia Aŭtonoma Universitato de Nikaragvo (UNAN) en Managvo antaŭ la evento, kaj kvar homoj diplomiĝis okaze de la pasintjara tutmonda KER-ekzamensesio.

La instruagado tamen tuŝis sian pinton danke al intensiva trisemajna

kurso, brilege gvidata de Julián Hernández el Kubo. Tiu lasta iniciato, disvastigita per publika alvoko, kunigis proksimume dudek homojn el Nikaragvo kaj el Kostariko, kiuj tre rapide, aktive, kunkanteme kaj konversacieme eklernis kaj ekpraktikis la lingvon dum la kongreso mem – ili elmontris interalie siajn kantajn talentojn dum vespera programero.

Aldone al komuna diskutrondo, dum kiu la multnombraj gejunuloj havis la ŝancon interŝanĝi opiniojn pri la kongresa temo, interesa instruprogramero estis dumposttagmeza fulmokurso, por kiu oni sukcesis varbi kelkajn scivolemajn homojn surstrate, multobligante eksteren la efikon de la aranĝo mem. Ne mankis krome prezento pri ĉarma porinfana E-instruilo, “Mojso”, verkita de Guido Hernández Marín el Meksiko.

Sed kiel forgesi unu el la plej gravaj ĉefroluloj – nome, Nikaragvon?

Eblis interkonatiĝi kun la lando per antaŭkongresa ekskurso al la vulkano Masaya kaj al la antikva merkato de la samnoma urbo; dumkongresa prelego pri la historio de Nikaragvo konigis iom pli funde la landon al la kongresanaro; nacia vespero enscenigis nikaragvajn folklorajn dancospektaklojn; fine, okazis postkongresa perŝipa ekskurso al la Granadaj Insuletoj, dum kiu la partoprenintoj en la kongreso havis la ŝancon spekti la naturan belecon de la Lago Nikaragvo.

Kiel eblas vere ekkoni landon se ne per homa interkonatiĝo?

La junaj, multnombraj nikaragvanoj kiujn ni ekkonis estas tre agademaj, kio sentigis al ni alilandanoj, elkore dankemaj pro la ŝanco travivi ĉi tiun sperton, pozitivan kaj freŝan venton.

Imagi pludaŭron de la nikaragva Esperanto-movado tre facilas: dum la kongreso estis oficiale fondita la Nikaragva Esperanto-Asocio, kaj la entuziasmo de la viglegaj geaktivuloj vere montriĝis promesplena kaj por loka kaj por internacia aktiviĝo.

La venonta Internacia Junulara Kongreso, okazonta en Fortalezo (Brazilo) venontjulie, kaj prezentita de Juliana Evandro, juna TEJO-aktivulino, rezultiĝis tre alloga por la multnombraj genjunuloj, kiel bona ŝanco por travivi pli ampleksan internacian sperton. Kaj laste, pluraj el ili jam pretas engaĝiĝi en la tutmonda agado de Muzaiko, fama E-retradio prezentita de Veronika Poór, kaj sekve subteni per siaj kontribuoj la lertan teamon kiu senlacigeble laboras por ĝi!



Ĉu scivolemaj? Bv. Viziti la retpaĝaron: *http://www.esperanto-nicaragua.org/eo* aŭ bv. kontakti la retadreson: *informacion@esperanto-nicaragua.org*



Małgosia Komarnicka

# Al la geedzoj Grattapaglia

**La Medalo de Toleremo estas atribuata de la Komitato de Fondumo Zamenhof en Bjalistoko al personoj, kiuj elstare defendis la zamenhofan ideon de Toleremo.**

La iniciatintoj de la medalo estis Ludoviko Kristoforo Zaleski-Zamenhof (la nepo de la kreinto de Esperanto) kaj Roman Dobrzyński (pola esperantisto, ĵurnalisto, vojaĝanto, verkisto). La unua medalo estis donita en 1999 al la papo Johano Paŭlo la Dua pro lia interreligia toleremo.

La 14-an de decembro 2013 dum solena antaŭkristnaska renkontiĝo en la pola ambasadejo en Brazilo la ambasadoro Andrzej Braiter enmanigis la Medalon de Toleremo de Fondumo Zamenhof en Bjalistoko al la geedzoj Ursula kaj Giuseppe Grattapaglia. Ili ricevis la Medalon de Toleremo pro "rekono por la multjara laboro, celanta pli bonan mondon, plialtigon de la vivkvalito de infanoj, ilian klerigon kaj preparon al memstara vivo, i.a. utiligante Esperanton, la neŭtralan lingvon de la monda komunikado."

Ludoviko Kristoforo Zaleski-Zamenhof, la patrono de la Fondumo Zamenhof en Bjalistoko, interalie skribis: "Toleremo akompanas, karaj Giuseppe kaj Ursula, vian tutan vivon. Ĝi esprimiĝas kiel respekto por diverseco, komencante de la etna aŭ haŭtkolora, tra la varieco de kutimoj kaj kulturoj, ĝis malsameco de konvinkoj." "La hodiaŭa solenaĵo ĝojigus la heroldon de la ideo de toleremo, Ludovikon Zamenhof, mian avon, interalie pro ĝia loko mem. La belega ĉefurbo de Brazilo naskiĝis el fantazia ideo, simile kiel Esperanto. Ĝi estis kritikata pro sia artefariteco, dum en la praktiko ĝi grandioze evoluas."

La solenaĵon ĉeestis 120 personoj, inter aliaj ankaŭ polaj politikistoj de la Eŭropa Parlamento.

La Medalo de Toleremo povus esti enmanigita al la laŭreatoj jam julie 2013 dum la Universala Kongreso de Esperanto en Rejkjaviko. Bedaŭrinde tiam ili ne povis veni al Islando, kaj tial oni organizis la solenaĵon en la Ambasadejo de la Pola Respubliko en la ĉefurbo de Brazilo. La konsulino Dorota Bogutyn proponis enmanigi la medalon dum solena antaŭkristnaska renkontiĝo, la 14an de decembro, kun poloj loĝantaj en Brazilo.

Ĉe la adiaŭo la ambasadoro de Pollando esprimis la deziron renkontiĝi kun brazilaj eperantistoj.

(Laŭ ricevitaj informoj de Roman Dobrzyński.)


Ursula kaj Giuseppe Grattapaglia kaj la ambasadoro



Rubrikestro:
Elena Nadikova,
E-klubo „Betuleto"
Lernejo/Ŝkola 56,
pr. Traktorostroitelej, 38
RU-428028 Ĉeboksari, Rusio
*lena_espero@mail.ru*



# Islando: malgranda lando kun grandaj mirakloj

## Saluton, karaj legantoj!

**Se mi demandos vin: "Kia Esperanto-evento estas la plej grava en la jaro?" Vi, certe, respondos: "Universala Kongreso".**

Jes, UK estas la ĉefa aranĝo en Esperantujo. Ĝi okazas ĉiu-jare en diversaj landoj. Pasintjare estis la 98-a kongreso. Ĝi okazis en Islando, en la ĉefurbo Rejkjaviko, la 20-27-an de julio 2013. La temo de la kongreso estis "Insuloj sen izoliĝo: por pli justa komunikado inter lingvo-komunumoj". Ĝin partoprenis 1034 homoj el 55 landoj

Kiel ĉiam, la programo de la kongreso tro abundis. La partoprenantoj havis okazon viziti diversajn prelegojn – laŭ siaj interesoj, kunsidojn de diversaj celgrupoj, varinivelajn lecionojn kaj paroligajn kursojn pri Esperanto. Kongresanoj bone ĝuis multajn koncertojn, interesajn konkursojn,



teatraĵojn, kune kantis en Internacia Koruso, ekzercis en diversaj metiejoj. La programon oni kompilis tiel, ke ĉiu povis trovi por si multon gravan kaj interesan. Ĉiuj grupoj kaj fakoj ene de Esperantujo estis prezentitaj en Rejkjaviko. Post seriozaj programeroj la kongresanoj povis ripozi dum popoldancado aŭ filmspektado. Kaj danke al bonega organizado, mi certas, ĉiuj kongresanoj revenis hejmen kun bonaj impresoj kaj la plej varmaj rememoroj pri Islando.

Multe kontribuis al tio unikeco de Islando mem. Eblas diri, ke UK allogis atenton ne nur al Esperanto – sed ankaŭ al la insulo. Islandon plenrajte eblas nomi fabela, ĉarmanta lando. Kie ankoraŭ vi povas observi realajn lunajn pejzaĝojn? Aŭ somere promeni sur glacimonto? Tiu ĉi malgranda lando estas plena je grandaj, neforgeseblaj mirakloj. Ĉio ĉi tie estas neordinara. Nigraj







sablaj dezertoj kaj grandegaj majestaj glaĉeroj. Rondaj krateroj de vulkanoj kaj brilantaj kaskadoj de akvofaloj. Diverskoloraj montoj kaj fantastaj lafaj kampoj. Varmegaj fontoj kaj senfina, mirinde blua oceano. En Islando nuboj naskiĝas el maro kaj senhaste tranaĝas laŭ diverskolora ĉielo. Kaj poste el griza nebulo kun frapobruo malsuprenfalas grandioza akvofalo.

Unika estas la historio de Islando. Islandanoj havas tradician jaron de la loĝigo de la lando – 874. Ili konas ankaŭ la unuan kolonianon – Ingólfur Arnarsson. Tamen estis, verŝajne, pli fruaj enloĝantoj. En Islando oni trovis monerojn de Roma imperio, datitaj per la 3a jarcento de nia jarkalkulo. Ne estas konate, ĉu ilin portis vikingoj aŭ iu vizitis la insulon longan tempon antaŭ la 9a jarcento. En 865 la norvega vikingo Hrafna-Flóki Vilgerðarson, unu el la unuaj koloniantoj, supreniĝis post longa vintro sur la monto kaj ekvidis fjordon, kovritan per glacio. Li kun tristo ekkriis: “Iceland!” (Glacia lando > Ísland).
Kaj la malkovrita insulo ricevis sian nomon. Tia estas la legendo.

Hodiaŭ Islando estas moderna, ne tiom malvarma lando. Danke al la varma oceana fluo Glfa Marfluo, la mezjara temperaturo sur la insulo estas proksimume +3-5 celsiaj gradoj. Islandanoj povas ankaŭ fieri pri tio, ke ilia lando estas la plej pura en Eŭropo – unuavice danke al multegaj geotermalaj akvofontoj – gejseroj. Ili senmetafore varmigas la landon – donas preskaŭ 80% el la varmo bezonata por konstruaĵoj. Tamen gejseroj estas ne nur utila, sed unuavice belega natura ekzistaĵo! Nur 100 km oriente


La akvofalo Gullfoss


La kongresejo Harpa

de Rejkjaviko situas fama Valo de gejseroj. Tie vi povas ĝui akvofonton Strokkur, kiu ŝprucigas la varmegan akvon ĉiujn 5-10 minutojn ĝis alteco de 30 metroj. En la sama valo situas ankaŭ “la patro” de ĉiuj gejseroj, kiu donis nomon por ĉiuj geotermalaj akvofontoj – Geysir. Nun ĝi ne ŝprucas plu, tamen ĉiu vizitanto esprimas estimon al la “patriarko”.

Alia miraklo de Islando – belegaj akvofaloj. Oni kalkulas pli ol 1000 akvofalojn sur la insulo. La plej famaj inter ili: Skógafoss, Dettifoss , Þjófafoss, Seljalandsfoss, Selfoss, Gullfoss kaj aliaj. Ĉiu el ili estas unika. Dettifoss – la plej potenca akvofalo en Eŭropo. Hraunfossar – lafa akvofalo – estas, laŭ mi, unu el la plej belaj. Glymur – “Flagranta” – la plej alta en Islando. Akvofaloj havas esprimplenajn nomojn: Svartifoss signifas “falanta mallumo”, Goðafoss – “akvofalo de Dioj”, Dynjandi – “Tondra”. Hjálparfoss – “falanta helpo” – havas, onidire, kuracan akvon. Multaj legendoj ekzistas pri akvofaloj. Ekzemple en “oran akvofalon” Gullfoss, intencis ĵeti sin la filino de unu komercisto, pro malriĉiĝo de sia patro.

Islando estas la plej granda insulo de vulkana origino en la mondo. Kaj la vulkana aktiveco daŭras ĝis nun. Ĉiuj memoras, kiel erupcio de la vulkano Eyjafjallajökull blokis aviokonektojn en la tuta Eŭropo en 2010. Tiam la malfacile prononceblan vorton eklernis ĉiuj! Alian faman vulkanon – Hekla – oni nomis en Mezepoko “pordego





de infero" – pro oftaj erupcioj. Nenie en la mondo agantaj vulkanoj ekzistas najbare kun glaĉeroj. Vulkanaj erupcioj kreis amasigon de lafo en la plej strangaj kaj fantaziaj formoj. Ankaŭ vastajn dezertojn el nigra sablo, kiuj okupas preskaŭ la tutan centran parton de la lando. Se vi volas ekvidi fantastajn lunajn pejzaĝojn, sen esti kosmonaŭtoj, vi ankaŭ devas veturi al Islando. Tie, en Kjölur, vi trovos mirindajn diverskolorajn montojn, de kiuj via spiro tuj deteniĝos!

Islando estas unika ankaŭ el geologia vidpunkto. Ĝi situas ĝuste sub la giganta rompo inter du tektonikaj platoj – Eŭrazia kaj Nordamerika. Du kontinentoj malproksimiĝas unu de la alia kun la rapideco je 2 cm jare. La insulo kvazaŭ ŝiriĝas poduone. Kaj subakvaj plonĝistoj havas danke al tio unikan eblon tranaĝi inter Eŭrazio kaj Ameriko. Ĉu tio ne estas miraklo?

Do, Islando estas la lando de akraj kontrastoj. Ene de la insulo brulas fajro. Surface trankvile dormas jarcentaj glaĉeroj. En fjordoj ondiĝas oceano. En Islando vi sentas, ke la naturo estas viva. Ĝi spiras per gejseroj, koleras per vulkanoj, tristas per rokoj kaj ridetas per kristaloj de glacio aŭ parolemaj montaj riveretoj.

Oni diras, ke en Islando eblas facile renkonti elfon aŭ gnomon. Tion ĝis nun kredas ĉiuj loĝantoj de la lando, eĉ plenaĝuloj. Kaj tio ne aspektas strange. Kiam vi grimpas laŭ ĥaosaj lafaj kampoj, sento pri ies nevidebla ĉeesto estas tre evidenta. Precipe kiam apude forestas homoj. En aero staras senbruo kaj ŝajnas, ke vi estas unusola en la tuta mondo. Sed tio tute ne timigas vin. Eble, pro tio, ke ie apude vere kaŝiĝis etaj estuloj, kiuj zorgas pri vojaĝantoj en la plej sovaĝaj kaj dezertaj lokoj. Ekzistas legendo: kiam sur Islandon malleviĝas nokto, el kavernoj eliras etaj troloj kaj komencas konstrui ŝtonajn piramidojn. Kiel alie islandanoj povas espliki aperon de enigmaj kreaĵoj en sia lando? Se vi serĉos sciencan klarigon, vi ne estas islandano! En la insulo oni ne konstruos vojon, se ĝi trairas ponton, kie oni vidis gnomojn. Kaj en lernejoj oni instruas, ke troloj estas malaltaj, en koloraj vestoj. Ke ili ŝatas amuziĝi kaj esti amikoj kun homoj. Fabelo? Jes kaj ne. Simple Islando estas reala, viva fabelo. Se vi iom dubas, karaj legantoj, venu kaj ekvidu mem!

Kion ankoraŭ rakonti pri Islando? Multaj mirindaĵoj loĝas tie. Ni forgesis pri ĉarmaj islandaj ĉevaletoj. Ili estas malaltkreskaj kaj vilaj pro longa hararo. Homoj ofte nomas la islandan ĉevaleton ponio. Tio estas malĝusta. Ĝi estas vera ĉevalo, nur de specifa speco. Tiuj bestoj estas tre elportemaj kaj saĝaj. La ĉevaletoj ĉiam senerare trovas la vojon hejmen, kiel ajn malproksime ili estas. Ankaŭ ili bonege naĝas.

Tamen la ĉefa miraklo de Islando, sendube, estas la homoj. La disŝiranta insulo kvazaŭ penas forĵeti ilin en maron, surŝuti per cindro, superverŝi per lafo. Sed la homoj respektas la teron kaj amas ĝin. Kaj kredas fabelojn, malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj.

**Do, ni tutanime dankas Islandon! Ĝi donacis ĝojon de renkontiĝo kun miraklo kaj Esperanto!**


Partoprenantoj de la 98-a Universala Kongreso de Esperanto antaŭ la kongresejo





Mireille Grosjean

# Efiko de amikeco

**Ofte artistoj estas malriĉaj. Tia estis Andersen, la fama dana poeto. Do li iris al la kortumo de la reĝo, en Kopenhago.**

Tie okazis kokteloj en la parkoj kaj la kompatinda poeto povis manĝi iom el la diversaj pladoj tie prezentitaj. Iun tagon li konatiĝis tie kun sinjoro Houriet el Le Locle, Svislando. (Le Locle estas 7km for de La Chaux-de-Fonds kaj 7km for de mia vilaĝo Les Brenets). Tiu sinjoro Houriet estis horloĝfaristo kaj restadis en la kortumo de la dana reĝo por ripari ĉiujn horloĝojn. Houriet kaj Andersen amikiĝis. Houriet invitis Andersen al Le Locle. Tien venis Andersen trifoje. Nun en Le Locle estas memortabulo ĉe la muro de la domo Houriet kaj strato havas la nomon Andersen.

Kiam mi restadis en Japanio en 2012, mi malkovris Andersen-parkon en la urbo Funabashi apud Tokio. Mi vizitis ĝin. Temas pri grandega belega parko kun kulturcentro, kie homgrupoj, ĉu klasoj, ĉu aliaj, povas ekzerci potfaradon, teksadon, desegnadon, paperfaldadon, kuirarton ktp.




Mirinda loko! Sed mi demandis al mi: Kial la loĝantoj de Funabashi elektis la nomon Andersen? Mi eksciis, ke la urbestro de Odense, dana urbo, kie Andersen naskiĝis, sekvis kurson pri informatiko en Funabashi kaj renkontis ties urbestron. Ili konatiĝis, amikĝis kaj decidis ĝemeligi siajn du urbojn: Odense en Danlando kaj Funabashi en Japanio. Danoj organizis tiun mirindan kulturcentron en la parko, kaj japanoj decidis doni la nomon Andersen al la parko.

Mi havas revon: mi deziras starigi triangulan ĝemeliĝon de
Le Locle, Svislando
Odense, Danlando
Funabashi, Japanio
per la helpo de lokaj esperantistoj!!!






Fotoj: la aŭtoro





Lu Wunsch-Rolshoven

# 5a Novjara Internacia Semajno

**Jam la kvinan fojon okazis la Novjara Internacia Semajno (NIS) kiel programo por junuloj kaj junaj plenkreskuloj en la jam iom tradicia Novjara Renkontiĝo (NR), bela internacia Esperanto-semajno dum la jarŝango.**


Foto: Gretel Schumann

Ĉeestis proksimume 45 junuloj inter 14 kaj 35 jaraĝaj, kiuj ĝuis la internacian kunestadon; ili venis el deko da landoj. Ja Saarbrücken, kiel germana urbo apud la franca landlimo, donas bonan bazon por internacieco. Partoprenis ankaŭ kvardeko da infanoj sub 14 jaraĝaj.

Apartaj ofertoj por junuloj estis ekzemple la urboludo kun la verdaj skoltoj. Krome, kiel ofte, estis granda entuziasmo por la ludo luphomo kaj aliaj ludoj. Okazis ankaŭ aparta danckurso por junuloj. Oni povis kompreneble ankaŭ partopreni en la programo de NR. Sed eble la plej grava programero estis simple komuna estado kaj babilado.

Entute en la 12-a Novjara Renkontiĝo kunvenis iom pli ol ducent homoj el dek du landoj. Estis pli ol cent diversaj programaj ofertoj; ofte okazis ses paralelaj kunvenoj. Dekoj da prelegoj prezentiĝis, de energiproduktado tra traŭmato-kuracado ĝis senkomerca vivmaniero kaj prezento de la taskoj de la Akademio de Esperanto. Eblis ekzemple improvize teatrumi, ĵongli, subteksti filmojn, ekzerci tradukadon, komune muziki kaj kanti. Okazis internaciaj horoj kun gustumado de kunportitaj manĝaĵoj kaj reciproka prezentado de diversaj gestoj, lingvoj, antaŭjuĝoj, literaturoj kaj vestaĵaj kodoj – kun fina kvizo. En granda rondo okazis la kvizo ”Ĝepardi’!” kaj ŝerckonkurso, ambaŭ kun entuziasma publiko.

Sub sperta gvidado de ĉefe Nicky Janssen okazis la prizorgado de infanoj per manlaborado, kantado, ludoj kaj piĵamaj rakontoj. La programon gvidis Betti Maul kaj ŝia filino Milena, dum la vesperan kaj artan oferton kunordigis Christoph Frank.

Estis koncertoj de la konata grupo Kajto kaj de Jim Petit (kun hindstilaj glitgitaroj); pliajn pianajn kaj gitarajn koncertojn prezentis Ludger Schmeink, Jesper Jacobsen, Pjotr De Mulder, Jeremy Bass kaj Jean Guy Richard. Christoph Frank gvidis nin al Magia Vojaĝo tra la Mondo. Kaj kompreneble ni ĉiuj entuziasme festadis dum la jarŝanĝa festo, kiu daŭris ĝis la fruaj matenaj horoj.

Ne ĉiam estas tute facile komprenigi al ĵurnalistoj kaj aliaj eksteruloj, kio estas Esperanto kaj kiel tio aspektas kaj sentiĝas en la praktiko. Sed belegan eblecon por tion fari prezentas internaciaj kunvenoj kiel la Novjara Renkontiĝo kun NIS. Do la raportoj, kiuj aperis, estis neŭtralaj aŭ eĉ pozitivaj. Ni aperis en la vespera novaĵelsendo de la regiona televido, dufoje en radio, en la regiona gazeto, kaj dank’ al du raportoj de la germana novaĵagentejo DPA ankaŭ en pliaj gazetoj.

# KVIZO-LUDO



Prizorganto de la rubriko: Dieter Berndt, Germanio

## Karaj kvizemuloj!

**Jen mi prezentas al vi la lastan Kvizon por la pasinta jaro. Bedaŭrinde kun ega malfruiĝo.**

Tamen mi esperas, ke vi multope partoprenos. Viajn respondojn sendu ĝis ricevo de la sekva numero de *Juna Amiko* al: Dieter Berndt, Berolinastr. 2, D-10178 Berlin, Germanio, aŭ al *esperanto-berndt@web.de*.

## Kvizo 3/2013

1. Korektu la frazojn:
   Mi lavas sin kun malvarma akvo. Berlin estas ĉefurbo de la Germanio. Neniu nenion vidis.

2. Skribu tri frazojn:
   En ĉiu frazo estu tri diversaj tabelvortoj.

3. Kion vi scias pri biciklo?
   Skribu almenaŭ 5 frazojn.

4. Kion vi faras ĉiutage je la 8-a, 12-a, 15-a kaj 20-a horo ?

5. Skribu tri frazojn, en kiuj vi uzas "aŭ – aŭ".

6. Skribu tri frazojn kun almenaŭ po ses vortoj. La komenca kaj la fina vortoj estu:
   Granda .... arbaro.
   Mia ... libron.
   Trajno .... urbo.

7. Divenu du similajn vortojn:
   Kun A ĝi zorgas pri mono.
   Kun E sur ĝi sidas homo.

8. Ĉu ĝuste aŭ malĝuste:
   La homa korpo envavas 5-6 litrojn da sango.
   La longa eŭropa rivero estas Danubo.
   Brigo estas uzata ĉe domkonstruado.

9. El jenaj silaboj formu nomojn de kvar arboj: BE – KO – KO – KVER – LI – LO – SA – SO – SU – TAK – TU.

10. Ŝerca demando!
    Kion komunan havas naskiĝtagoj kaj pluvombreloj?

**Jen la solvoj de la lasta kvizo el *Juna Amiko* 2/2013:**

**1a - 2b -3b - 4a - 5a - 6c - 7b. Respondoj 8 - 10 povas esti diversaj.**

**Al la kvizo el *Juna Amiko* 1/2013 plej bone respondis: 1) Mária Molnár el Hungario – 19 poentoj. 2) Blanka Hužerová, Jindřiška Drahotová kaj Eva Novotná – ĉiuj el Ĉeĥio, ĉiuj po 17 poentoj. Sinceran gratulon!**

Christof Krick

# Komenius-projekto en kvin landoj

**En 2013 okazis du internaciaj renkontiĝoj kadre de la interŝanĝprojekto kun partopreno de la gimnazio de Winterberg kaj Medebach, Germanio.**

Dum la semajno de la 21a ĝis la 29a de aprilo la Geschwister-Scholl-Gimnazio gastigis 48 homojn el Litovio, Rumanio, Bulgario kaj Italio.

La renkontiĝo estis la dua de entute kvar renkontiĝoj de la dujara projekto, kiun financas la Eŭropa Unio kadre de la Komenius-programo. La ĉeftemo estas edukiĝ- kaj kariereblecoj por junuloj en ĉiam pli kuniĝanta Eŭropo, sed ankaŭ kontaktoj inter homoj de diversaj landoj tre gravas por malpliigi antaŭjuĝojn. La laborlingvo de la projekto estas Esperanto, kiun lernas la lernantoj en laborgrupoj dum du jaroj kaj praktikas ĝin dum la renkontiĝoj. La plej ŝatata praktikokupo estis la Esperanta versio de homlupoj, kiun oni ofte ludis vespere.

En la programo estis prezentaĵoj pri la partoprenantaj landoj kaj diskutoj pri la ĉeftemo, sed ankaŭ trarigardado de Winterberg kaj ĝiaj vintrosportejoj kaj ekskursoj al Marburg kaj Köln. En la kultura programo estis koncerto de la lerneja "Big Band" kaj prezentadoj de bulgaraj popoldancoj. La bela pejzaĝo de Sauerland kaj la multaj trabfakdomoj impresis la gastojn, kaj per la kontaktoj inter si kaj kun la gastfamilioj ili tre amikiĝis.






Dum la semajno de la 13a ĝis la 20a de oktobro okazis la tria rondo de la interŝanĝprojekto kun partopreno de la gimnazio de Winterberg kaj Medebach. 13 lernantoj kaj 2 instruistoj renkontiĝis kun la aliaj grupoj el Italio, Bulgario, Rumanio kaj Litovio, ĉi-foje en la Toskana urbo Capannori, Italio. La antaŭaj du renkontiĝoj okazis en Bulgario kaj Germanio. La pli ol 50 partoprenantoj havis plenan programon kun ekskursoj al la ĉirkaŭaĵo kaj multaj punktoj rilate al la kadra temo „Kariereblecoj en Eŭropo", ja estis laborrenkontiĝo de la projekto, kiun financas EU kadre de la Komenius-programo. La laborlingvo estis denove Esperanto, kiun la lernantoj lernas inter la renkontiĝoj en laborgrupoj kaj kursoj en siaj lernejoj. Ni ĉiuj memoras streĉan, sed belan semajnon, kaj antaŭĝojas jam pri la sekva renkontiĝo printempe en Rumanio.

# Dekelekte



La rubrikon prizorgas: Stefan MacGill

**Jen dek lokoj, kie vi devas elekti bonajn solvojn, por krei bonajn frazojn.**



En ĉiu kazo, ni proponas kvar fraz-finojn por la kvar fraz-komencoj. Elektu la plej bonajn kombinojn, por doni senco-havajn frazojn!

**1**

| | |
|---|---|
| Ŝi maĉas gumon, kio... | ... estas dolĉa. |
| Ŝi maĉas gumon, kiu... | ... ŝi ĵus aĉetis. |
| Ŝi maĉas gumon, kies... | ... estas ĝena. |
| Ŝi maĉas gumon, kiun... | ... gusto estas bona. |



**2**

| | |
|---|---|
| Li revenos morgaŭ, ĉar... | ... aŭte, ĉu trajne. |
| Li revenos morgaŭ, ĉu... | ... serĉanta min. |
| Li revenos morgaŭ, ĉie... | ... mia farmbieno. |
| Li revenos morgaŭ, ĉe... | ... mi invitis lin. |



**3**

| | |
|---|---|
| Mi legos libron pri... | ... la dua horo. |
| Mi legos libron pro... | ... trajnoj. |
| Mi legos libron per... | ... la bezono ricevi informojn. |
| Mi legos libron post... | ... lupeo, por pli bone vidi la literojn. |



**4**

| | |
|---|---|
| Mi prenas aspirinon kontraŭ... | troviĝas en boteleto. |
| Mi prenas aspirinon kun... | doloras mia kapo. |
| Mi prenas aspirinon kiam... | glaso da akvo. |
| Mi prenas aspirinojn, kiuj... | doloro. |



**5**

| | |
|---|---|
| La sportisto kuris rapide, kvazaŭ... | vundita. |
| La sportisto kuris rapide, kvankam... | gepardo. |
| La sportisto kuris rapide; krome... | kutime. |
| La sportisto kuris rapide, kiel... | li gajnis. |





La kuko estas preskaŭ...
La kuko estas preta...
La kuko estas proksima...
La kuko estas provota...

**6**

... de la festantoj.
... al la tablo-rando.
... jam nun.
... preta.



La bubo fruigis...
La bubo fluigis...
La bubo figuris...
La bubo fidiris...

**7**

... en televida dramo.
... sian foriron.
... blasfeman vorton.
... sian kolaon.

La buso iras tra...
La buso iras trans...
La buso iras tre...
La buso iras tro...

**8**

... rapide, sed ĝi restas sekura.
... rapide, kaj tio estas danĝera.
... la tunelo.
... la ponto.



Tiu vojaĝo bezonas nun...
Tiu vojaĝo bezonas nur...
Tiu vojaĝo ne...
Tiu vojaĝo estos nek...

**9**

... agrabla, nek sendanĝera.
... estos agrabla.
... dek minutojn.
... dudek minutojn pro la ponto kiu falis hieraŭ.




Liaj tri ekzamenaj rezultoj ankaŭ...
Liaj ekzamenaj rezultoj ambaŭ...
Liaj ekzamenaj rezultoj ankoraŭ...
Liaj ekzamenaj rezultoj apenaŭ...

**10**

... ne estas anoncitaj.
... sufiĉis por eviti jar-ripeton.
... seniluziigis mian fraton, ne nur min.
... malfortis, kaj en fiziko, kaj en kemio.

**Solvoj:** ❶ Ŝi maĉas gumon, kio estas ĝena. Ŝi maĉas gumon, kiu estas dolĉa. Ŝi maĉas gumon, kies gusto estas bona. Ŝi maĉas gumon, kiun ŝi ĵus aĉetis. ❷ Li revenos morgaŭ, ĉar mi invitis lin. Li revenos morgaŭ, ĉu aŭte, ĉu trajne. Li revenos morgaŭ, ĉie serĉanta min. Li revenos morgaŭ, ĉe mia farmbieno. ❸ Mi legos libron pri trajnoj. Mi legos libron pro la bezono ricevi informojn. Mi legos libron per lupeo, por pli bone vidi la literojn. Mi legos libron post la dua horo. ❹ Mi prenas aspirinon kontraŭ doloro. Mi prenas aspirinon kun glaso da akvo. Mi prenas aspirinon kiam doloras mia kapo. Mi prenas aspirinojn, kiuj troviĝas en boteleto. ❺ La sportisto kuris rapide, kvazaŭ gepardo. La sportisto kuris rapide, kvankam vundita. La sportisto kuris rapide; krome li gajnis. La sportisto kuris rapide, kiel kutime. ❻ La kuko estas preskaŭ preta. La kuko estas preta jam nun. La kuko estas proksima al la tablo-rando. La kuko estas provota de la festantoj. ❼ La bubo fruigis sian foriron. La bubo fluigis sian kolaon. La bubo figuris en televida dramo. La bubo fidiris blasfeman vorton. ❽ La buso iras tra la tunelo. La buso iras trans la ponto. La buso iras tre rapide, sed ĝi restas sekura. La buso iras tro rapide, kaj tio estas danĝera. ❾ Tiu vojaĝo bezonas nun dudek minutojn pro la ponto kiu falis hieraŭ. Tiu vojaĝo bezonas nur dek minutojn. Tiu vojaĝo ne estos agrabla. Tiu vojaĝo estos nek agrabla, nek sendanĝera. ❿ Liaj tri ekzamenaj rezultoj ankaŭ seniluziigis mian fraton, ne nur min. Liaj ekzamenaj rezultoj ambaŭ malfortis, kaj en fiziko, kaj en kemio. Liaj ekzamenaj rezultoj ankoraŭ ne estas anoncitaj. Liaj ekzamenaj rezultoj apenaŭ sufiĉis por eviti jar-ripeton.



# Islanda krucenigmo

## Jen la lasta numero de *Juna amiko* por 2013, kaj en tiu jaro la Universala Kongreso okazis en mirinda norda lando – Islando.

Sekve, jen krucenigmo kiu laŭ la skemo, same malfruas. Ĝi ne estas tro malfacila, pri tiu fascina lando de glacio kaj fajro. Feliĉe la Kongreso okazis ĝustatempe.

Kaj baldaŭ nia revuo rekaptos sian ritmon kaj aperos denove ĝustatempe. Kion vi diras? Ho, jes, jam tempo verki krucenigmon pri Argentino! Ĝuu la solvadon!




(R) = uzu nur la radikon, sen la finaĵo.

**Horizontale:** 2. Sufikso, kiu signifas 'malgranda'. 4. Malislanda komponisto, kies plej fama verko estas 'Bolero'. 9. Fenomeno, pro kiu Islando estas fama. Okazas nur somere. 3-6+4. 13. Oni festas_____ en la amuzstratoj de Rejkjaviko. 14. Haveno en Islando bezonas moleon; tio estas ŝtona aŭ betona muro kiu rezistas la forton de la ondoj kaj protektas la kajojn kaj urbon. Do, islanda haveno bezonas _________ (4-2-2). 15. Brako de la maro kiu iras enlandan, kun krutaj deklivoj ambaŭflanke. Oftaj en islando, Norvegio kaj Nov-Zelando. 17. La mallonga formo de la aranĝo, kiu okazis en Rejkjaviko en julio 2013. 18. Kreskaĵo ofta en Islando, ĉar ĝi toleras la ekstreman klimaton. 19. Varmega roka maso, kiu venas el vulkano. 21. Nereagema gas' uzata en reklamiloj (R). 22. Glacio kovras kontinue inter 10 kaj 15% de la insulo – sekve ĉirkaŭ _______ de la lando kovras daŭre glacio. 24. Rondaĵo (R). 25. Valora metalo, ne multe trovebla en Islando. 26. Islando estas la 13a lando en la listo de bonfarto, laŭ la kalkulo de Unuiĝintaj Nacioj (UN), do ĝi estas pli prospera ____ ĉiuj aliaj landoj, krom dek du.

**Vertikale:** 1. Insekt' kiu ĉirpas, kaj certe ne povus travivi islandan vintron. 2. Malgranda. Akureyri estas urbo en la nordo de Islando kun 17 mil enloĝantoj, granda por islandanoj (la kvara plej granda urbo en la lando), sed ĝi estas ____ laŭ monda skalo. 3. Vetera fenomeno kun fortegaj ventoj, kiu ne sperteblos en Islando (sed jes en Filipinoj, Ĉinio, Vjenamio kaj Japanio). 4. Ronda objekt' ĉe multaj transportiloj, sed ne ĉe sledo (R)! 5. En la turisma sezonoj, vizitantoj povas konsistigi du trionojn de la homoj en la lando, sekve, ne islandanoj sed ________j formas la plimulton! (3-2-1). 6. Monto kun kratero, el kiu povas veni likvaj rokoj, cindroj, ŝtonoj kaj fumo el la internaj partoj de la tero. 7. Deziro. Al Nov-Zealndano venas granda _____ viziti Islandon, ĉar ambaŭ landoj havas varmakvajn fontojn, glaciejojn kaj altajn montojn; ambaŭ kreas energion el la tera varmo. 8. La ĉefurbo de Britio. De tie ekiras flugoj al Islando. 10. Loko kie bolanta akvo kaj vaporo ŝprucas al la surfaco kaj ĵetas sin alten. 11. Malagrablan figuron el nordia kaj islanda mitologio. La bildo montras ekzemplon. 12. Alia figuro el nordia kaj islanda mitologio, kiu laŭdire vivas en kavernoj aŭ sub pontoj. 16. La plej alta temperaturo en Islando estis 30.5˚C (tio okazis en junio, 1939). Se hodiaŭ la temperaturo estus 3.8˚C, la historia maksimumo estus la ______o de la hodiaŭa temperaturo. (R) 20. Islando estas _____ de aliaj landoj, meze de la Norda Atlantiko. 23. Geologoj opinias, ___ Islando estas fascina lando.

Baldur Ragnarsson

# 36 Geraldo Mattos

**Pensante pri la okupoj profesiaj kaj verkistaj de Geraldo Mattos oni ne povas eviti la senton, ke devus esti okazintaj konfliktoj inter ili de tempo kaj tempo.**

Tiom pli, kiam temas pri neordinaraj postuloj de ambaŭ flankoj: ekzakte sciencaj kaj pasie ambiciaj. Almenaŭ mi tiel sentas en la kazo de Geraldo Mattos, ĉu prave, aŭ ne.

Geraldo Mattos estas Brazilano, naskita en 1931. Li diplomiĝis pri la latina kaj latinidaj lingvoj en la Pontifika Katolika Universitato de Paranao en 1958 kaj doktoriĝis pri filologio en 1965. Lia filologia kariero estas impona, tion atestas liaj pli ol 30 libroj en la portugala lingvo pri la instruado de la portugala kaj lingvistiko.

Liaj lingvistikaj okupoj koncernis ankaŭ Esperanton, kiun li lernis en 1947, kiam li estis 16-jara. En 1987, en la centjara jubileo de Esperanto, aperis lia libro *La Deveno de Esperanto*, kaj de tiam li dediĉis sin al la studo de la lingvo, precipe por la defendo de la Fundamenta uzado de la participoj. Laŭ liaj propraj vortoj li tiam "laciĝis de esti poeto", kio tamen ne pruviĝis vera.

Geraldo Mattos komencis verki en Esperanto en 1951, kaj du jarojn poste






aperis lia eksterordinara verko *Ivan la Sesa*, kvinakta dramo en sonoraj versoj, kiun Gaston Waringhien nomis la unua versforma dramo en Esperanto, kaj per ĝi la poeto elmontris "admirindan scenoarton kaj poezilerton". En la postaj jaroj liaj poemoj ofte aperis en *la nica literatura revuo*, redaktita de Waringhien. Jen unu el tiuj poemoj, titolita *Migrobirdoj*:

*En la printempo migrobirdoj venas*
*Sen timo jam al frostoj kaj tempestoj,*
*Kaj la naturo per gastamaj gestoj*
*Al amo kaj feliĉo ilin trenas.*

*De vivo kaj de moviĝemo plenas*
*Voluptaj branĉoj kurbaj sub la nestoj,*
*Kaj el la vivodonaj terintestoj*
*Gracilaj floroj ĝermas kaj festenas.*

*Mi same serĉis ŝian korpan ĉarmon,*
*Kaj ŝi en mia brusto donis varmon*
*Al la ŝrumpinta kaj mortinta koro!*

*Sed ve! La vintro ... ŝi kaj ili fuĝis*
*Sed al nenia lando mi rifuĝis,*
*Ĉar ĉie min turmentus la memoro!*

Du aspektoj, fundamente karakterizaj por la poezio de Geraldo, aperas en tiu poemo: lia elekto de la soneto, klasika kaj malfacila versoformo, kaj lia fantazia obsedo de la virino kiel ŝirmejo por lia animstato. Li estas la sonetmajstro inter Esperantaj poetoj, sciante utiligi tiun iom eluzitan formon por plej diversaj celoj. Tion superbe evidentigas lia sonetaro *Arĉoj* (1967) kaj liaj sonetaro al Nejma, en du libroj (*La libro de Nejma* kaj *La Libro de Adoro*, ambaŭ eldonitaj en 1985). *Arĉoj* konsistas el 109 sonetoj en sep cikloj, kies kvin temas pri la homa ĉirkaŭmondo, kies neperfektaĵoj foje malesperigas, foje ribeligas. En la lastaj du cikloj (*Taktas vivo* kaj *Finalo*) la poeto prezentas sian pesimisman vizion:

*Mi volas maron nudan de plaĝoj, bark', insulo;*
*la nuran premangoron de vento kaj nebulo*
*sen kajo por eliri kaj varfo por alveni...*

La citita junaĝa soneto el *la nica literatura revuo* havas teman ligon al la sonetaro de Nejma, kvankam ilin disigas tri jardekoj. Kaj kiel en la citita soneto la fantazio ludas rolon en la sonetaro de Nejma, kiu estas la inspirantino de la poeto.

Geraldo Mattos estas multflanka poeto kaj verkisto, kaj liaj verkoj estas multaj kaj variaj. Krom poezio li verkis rakontojn, novelojn, dramojn kaj fabelojn kaj tradukis el la portugala teatraĵojn, poemojn kaj romanon.

En 1987 li redaktis jubilean libron, kolekton de 16 eseoj de membroj de la Akademio de Esperanto, sub la komuna titolo *Centjara Esperanto*. En sia prezento de la libro li citis vortojn de Zamenhof: "Grandegan utilon alportos al l´afero tiuj, kiuj riĉigos la literaturon de l´lingvo internacia."

Geraldo Mattos alportis sian kontribuon al tiu utilo, plej menciinde per sia ĉefverko *Arĉoj*.

Geraldo Mattos estis elektita prezidanto de la Akademio de Esperanto en 1998, kaj servis en tiu ofico ĝis 2007.

## Solvoj el la p. 10



**La unua tasko:** Ĉar mem la filoj ne kapablis estigi la dividon, ili petis la helpon de samvilaĝano. Ĉi lasta aldonis al la grego sian kamelon kaj prikonsideris la nombron de la kameloj 18. Poste li donis la duonon, 9 kameloj al la unua filo; la trionon, 6 kameloj al la dua filo kaj la naŭonon, 2 kameloj al la tria filo. Restis 18 - (9+6+2) =1 kamelo kiun li retenis por si mem.
**Komento:** Ĉu la divido estis prava kaj justa? Certe ĝi ne estis prava, ĉar 9>17/2; 6>17/3 kaj 2>17/9, tamen tio konvens al tri filoj!.. Dume la divido estis justa ĉar la nombroj 9, 6, 2 proporcias al ½ ,1/3,1/9. Konstateblas ke 17/18 =1/2 +1/3 +1/9.

**La dua tasko:** Tion sugestis la ekvacion x+2x+1/2x = 1 de kiu x = 2/7x reprezentas la virinan parton, 2x aŭ 4/7 tiun de la filo kaj x/2 aŭ 1/7 la filinan parton. Tian solvon proponis iu el la tiamaj juristoj (II jc). **omento:** Ĉu la solvo estas justa? Kelkaj juristoj asertas ke tio ja tro diskriminacias la filinon. Se la patrino ricevas minimume 1/3, tiam la ceteron, 2/3 dividos inter ili la filo kaj filino laŭ proporcio 4:1. Se unue naskiĝas la filo, li ricevas 2/3 dum 1/3 dividiĝas inter patrino kaj filino je raporto 2:1. Se naskiĝas unue la filino, ŝi ricevos 1/3 dum la 2/3 dividiĝas je raporto 2:1 je favoro al la filo. Kaj se la edzino naskus 3,4,5 gefilojn?

**La tria tasko:** Ni trovu la Malpligrandan Komunan Multoblon (2,3,4,5,6) = 60. Do, la serĉata nombro estas multoblo de 60, plus unu. Ĉi nombroj prezentiĝas per la formulo 60n+1, kion oni povus skribi ankaŭ kiel 7*8 n+4n+1. Ĉar 60n+1 dividiĝas per 7 (laŭ rakonto de la virino) kaj 7*8n dividiĝas per 7, tiam ankaŭ 4n+1 devas dividiĝi per 7.

La plej malgranda valoro de **n**, kontentiganta ĉi kondiĉon estas 5. Tio signifas ke en la korbo estis 7*8*5 +4*5 +1 = 56*5+21 = 280+21 = 301 ovoj. La alia valoro, por n=12, donas pli grandan nombron, 721 ovoj, kio malplej verŝajnas.

# Landaj Reprezentantoj – Perantoj de *Juna Amiko*

**Internacia peranto:** Abonservo de UEA, *uea@co.uea.org.* **Argentino:** Argentina Esperanto-Ligo, C.C. 2910 (Correo Central), AR-1000, Buenos Aires, *rosardek@fibertel.com.ar*. **Aŭstralio:** Libroservo de AEA, 143 Lawson Sreet, Redfern NWS 2016, *libroservo@esperanto.org.au*. **Aŭstrio:** Leopold Patek, Martinstr. 104/38, AT-3400 Klosterneuburg, *patek@esperanto.at.* **Belgio:** Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, BE 2000 Antwerpen, *financoj@fel.esperanto.be.* **Brazilo:** Brazila Esperanto-Ligo, SDS Bl.P, 36, Ed. Venâncio III, Sala 303, BR 70.393-902 Brasília (DF), *bel@esperanto.org.br.* **Britio:** EAB, Esperanto-Domo, Station Rd, Barlaston, Stoke-on-Trent ST12 9DE, *eab@esperanto-gb.org*. **Bulgario:** Mariana P. Evlogieva, Drujba 2, PO Box 18, BG-1582 Sofia, *interpres@interpres.org*. **Ĉeĥio:** Pavel Polnický, Na Vinici 110/10, CZ-290 01 Poděbrady II, *cea.polnicky@quick.cz* . **Ĉilio:** Hector Campos Grez, Casilla 231, Curico, *hecg@uea.org.* **Ĉinio:** GONG Xiaofeng, School of Environmental and Chemical Engineering, Nanchang University, Nanchang, CN-330031, *arko.gong@qq.com*. **Danlando:** Arne Casper, Bryggervangen 70, 4 tv, DK-2100 Koebanhavn, *arnecasper@dbmail.dk*. **Estonio:** s-ino Virve Ernits, Vallimaa 17-8, EE-93812 Kuressaare, *virveernits@hot.ee*. **Finnlando:** Hämäläinen Sylvia, F.E.Sillanpään katu 2 C 46, FI-33230 Tampere, *sylvia.h@kolumbus.fi*. **Francio:** Unuiĝo Franca por Esperanto, 4bis, rue de la Cerisaie, FR-75004 Paris, *zav@esperanto-panorama.net.* **Germanio:** Esperanto-Buchversand, Dr.Wolfgang Schwanzer, Pfarrer-Seeger-Str. 9, DE-55129 Mainz, *wolfgang.schwanzer@esperanto.de.* **Grekio:** Adda Sakelaropulu, Makariu 18, GR-14123, Likovrisi. **Hungario:** Boris Arrate Veranes, Emma u. 3a, HU-2030 rd, Hungario, *simio_2004@yahoo.es*, aŭ Abonasoft BT, Thierry Salomon. Bakts utca 1/3 III.1, HU-1093 Budapest, *abonasoft@gmail.com*, aŭ Oficejo de HEA, Kenyrmez u. 2. Budapest VIII. **Islando:** Islanda Esperanto-Asocio, PK. 1081, IS-121 Reykjavik, *esperant@ismennt.is*. **Israelo:** Savio Gian Piero, Rehov Menora 13/4, IL-53490 Givatajim, *saviogp@zahav.net.il*. **Italio:** Madella Vittorio Luisa, Luigia Oberrauch, Via Prampolini 8, IT-43100 Parma, *silkovojo@aliceposta.it*. **Japanio:** JEI, Sinzyku-ku Waseda-mati 12-3, JP-162-0042 Tokyo-to, *esperanto@jei.or.jp.* **Katalunio:** Kataluna Esperanto-Asocio, Apartat 1008, ES-08200 Sabadell, *admin@esperanto-es.net*, aŭ Pedro Garrote, Apartado 119 Esperanto, ES-47080 Valladolid, *hisperantouea@terra.es.* **Kroatio:** Marija Belošević, Sveti Duh 130, HR-10000 Zagreb, *marija@hes-keu.hr*. **Kubo:** Kuba Esperanto-Asocio, Apartado Postal 5120, CU-10500 La Habana 2, *kubesp@ip.etecsa.cu*. **Litovio:** Litovia Esperanto-Asocio, ab/k 167, LT-3000 Kaunas, *irenaa@takas.lt.* **Makedonio:** Makedonia Esperanto-Ligo, P.f. 242, MK-1000 Skopje. **Nederlando:** IEI, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, *iesperanto@versatel.nl*. **Norvegio:** Eldonejo de NEL, Olaf Schous vei 18, N-0572 Oslo, *inform@esperanto.no.* **Nov-Zelando:** Dewar G. David, PO Box 35849, Browns Bay, Auckland 0753, *gddewar@ihug.co.nz*. **Pakistano:** Jawaid Eahsan, P.O. Kesto / Box 26., PK-60000 Multan, *saluton123@EsperantoLand.org*. **Pollando:** Magdalena Tatara, Kozmice Wielkie 323, PL-32-020 Wieliczka, *mtatara@gmail.com*. **Portugalio:** Portugala Esperanto-Asocio, Rua Dr.Joao Couto 6. R/C A, PT-1500 Lisboa, *ap.esperanto@netc.pt*. **Rumanio:** Crancau, Ioan, B-dul Bucuresti 5/53, RO-4800 Baia Mare. **Rusio:** Halina Gorecka, pk. 67, RU-620077 Jekaterinburg, *sezonoj@mail.ru*, aŭ: Rusia Esperanto Unuiĝo, Pf. 57, RU-115318 Moskva, *esperant@au.ru*. **Serbio:** Zoran Ciric, Branka Miljkovica 14, YU-18000 Nis. **Slovakio:** Peter Baláž, Víťazná 840 / 67A, SK-95804 Partizánske, *petro@ikso.net.* **Slovenio:** Višnja Branković, Via Parini 5, IT-34 129 Trieste, Italio. **Sud-Afriko:** Colin Beckford, C2 Plaza Hill, 3 Bower Road, ZA-7800 Wynberg. **Svedio:** Leif Holmlund, Kågevägen 40 B lgh 1303, SE-931 38 Skellefteå, *leif.holmlund@telia.com*. **Svislando:** Christoph Scheidegger, Im Schleedom 6, CH-4224 Nenzlingen, *ch_scheidegger@bluewin.ch*. **Tajvano:** Reza Kheir-khah, Chung Ching Lu 105, TW-900-52 Ping Tung, Taiwan, China, reza@ms58.hinet.net. **Ukrainio:** Esperanto Centro, P.O. Kesto 4, UA-254200 Kiev, *urso@espero.freenet.kiev.ua*. **Usono:** Esperanto-USA, P.O. Box 1129, El Cerrito, CA 94530, *eusa@esperanto-usa.org*. **Venezuelo:** Peter Jaimez, Poŝtkesto 3482, VE-1010 A Caracas, *peterjaimez@tutopia.com.*

# Eŭropa Festivalo de Esperantaj Kantoj en Vroclavo, Pollando

Centro de Interkultura Edukado – Regiona Buroo Vroclavo, kune kun Elementa Lernejo n-ro 9 en Vroclavo, invitas vin partopreni en la Eŭropa Festivalo de Esperantaj Kantoj.

La Festivalo okazas ĉiujare ĉiun trian vendredon de majo en du kategorioj: 1. koruso aŭ ensemblo, 2. solisto. Partoprenantoj: loĝantoj de Eŭropo. Aĝo de la partoprenantoj: de 6 ĝis 18 jaroj. Ĉiu partoprenanto kantas du kantojn: unu en Esperanto, la alian en sia aŭ fremda nacia lingvo. Pritaksataj estas nur Esperantaj kantoj.

*Juna Amiko*
Stano Marček
Zvolenská 15/21
SK-036 01 Martin
Slovakio

**Jarŝanĝe jam la kvinan fojon okazis en Saarbrücken, Germanio, Novjara Internacia Semajno (NIS), kiel programo por junuloj kaj junaj plenkreskuloj, kadre de la 12-a Novjara Renkontiĝo (legu sur la p. 30). Foto: Gretel Schumann.**

**Gimnazianoj el Geschwister-Scholl de Winterberg kaj Medebach en Germanio renkontiĝas kun gimnazianoj el Litovio, Rumanio, Bulgario kaj Italio (legu sur la p. 32). Foto: Christof Krick.**